


# KONGRESA BULTENO

de la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 3-7 Aŭg. 1925

No 1 — Aldono al „ESPERANTO“ — Novembro 1924

ELDONATA DE LA LOKA ORGANIZA KOMITATO, 12 BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE (SVISLANDO)

## La XVII. Kongreso en Ĝenevo.

### 3.—7. aŭgusto 1925.



**La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado decidis akcepti la inviton de la Svisa Esperanto-Societo kaj okazigi la XVII. Universalan Kongreson en Ĝenevo.**

#### Dato.

La C. K. fiksis la daton de la kongreso komence de aŭgusto (3 ĝis 7) laŭ la plej ĝenerala deziro de la esperantistaro.

#### Somera universitato en Esperanto.

Laŭ aranĝo kun la Internacia Universitato fondita de S-roj Otlet kaj Lafontaine en Bruselo, okazos en Ĝenevo internacia universitata semajno en Esperanto de la 1a ĝis 7a de aŭgusto 1925. Konataj profesoroj el diverslandaj universitatoj prelegos en Esperanto pri gravaj temoj de internacia juro, filozofio, filologio, Historio de Esperanto, pedagogio kaj psiko-analizo. En la du lastaj kampoj okazos prelegoj de la famaj psikologoj P-ro Pierre Bovet kaj Charles Baudoin, kiuj ambaŭ lernis nian lingvon kaj nun parolas ĝin flue.

#### Provizora programo.

Sabaton, 1 Aŭg.: Komenco de la Somera universitato.
Dimanĉon, 2 Aŭg.: Diservoj. Ĝardenfesto, Renkontiĝo.
Lundon, 3 Aŭg.: Lekcioj. Prelegoj. Vespere solena malfermo de la XVIIa.
Mardon, 4 Aŭg.: Laborkunsido. Ŝipekskurso sur Ĝeneva Lago.
Merkredon, 5 Aŭg.: Lekcioj. Prelegoj. Vespere teatro.
Ĵaŭdon, 6 Aŭg.: Lekcioj. Prelegoj. Vespere Balo.
Vendredon, 7 Aŭg.: Fermo de la kongreso. Fino de la kursoj.
Sabaton, 8 Aŭg.: Ekskursoj al svisa montaro.

#### Kotizo.

La C. K. decidis fiksi unu solan kotizon por ĉiuj kongresanoj sen diferenco pri landoj. Ĝi estos 25 svisaj frankoj, sed organizitaj esperantistoj, kiuj regule kotizas al nia Universala Esperanto-Asocio, ricevos rabaton de 20% kaj pagos nur 20 svisajn frankojn. Junuloj (malsuper 20 jaraj), membroj de UEA, pagos nur 15 svisajn frankojn. Frua aliĝo estas rekomendata por helpi la aranĝon.

#### Turistaj biletoj de UEA.

Por la kongresanoj, kiuj dezirus eviti ĉiujn malfacilaĵojn de mendo, trinkmono, biletaĉetado ktp., UEA aranĝos por siaj membroj ne nur karavanojn, sed *turistajn biletarojn* entenantajn ĉiujn elspezojn de kongresano dum unusemajna restado en Ĝenevo, ekzemple

*kongreskarto, somera universitato, teatro, balo, ŝipekskurso unusemajna loĝado kaj manĝado en tre bona hotel-pensiono, ĉiuj trinkmonoj enkalkulitaj*

*sv. fr. 140* — (bileto verda)
kun bileto IIa klasa Londono—Ĝenevo—Londono
£ 12.10—

*ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en unuagrada hotelo ĉe la lago (ĉiuj trinkmonoj enkalkulitaj)*

*sv. fr. 200*,— (bileto flava)
kun bileto IIa klasa Londono—Ĝenevo—Londono
£ 15

*ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en la plej luksa hotelpalaco ĉe la lago kun trinkmonoj enkalkulitaj*

*sv. fr. 300*.—
kun bileto IIa klasa Londono—Ĝenevo—Londono
£ 20

*ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en modesta studenta pensiono (trinkmonoj enkalkulitaj)*

*sv. fr. 110*.— (bileto ruĝa)
kun bileto IIIa klasa Londono—Ĝenevo—Londono
£ 9.10.—





Al la mendintoj de tiuj *turistaj biletoj*, per zorgo de UEA, estos rezervataj la plej bonaj hoteloj kaj pensionoj kaj la plej bonaj sidlokoj en teatro. Ĉar la nombro de tiuj biletoj estos nepre *limigata* je apenaŭ kelkcentoj, estas rekomendinde tuj mendi ilin ĉe la „Kongresa Oficejo". Pago en tri partoj estos akceptata, la unua tuj, la dua en februaro, la tria en majo.

Tiu sistemo ne celas favori riĉulojn, sed nur la saĝe fruajn aliĝintojn. Kontraŭe la mendintoj de tiuj biletoj elspezos entute por ĉio la minimumon da mono dum la ceteraj riskos pagi multe pli altajn prezojn pli poste por malpli bonaj lokoj. Rapidu do mendi! Poste estos tro malfrue.

**Loĝado.**

Ĉar Ĝenevo estas tre plena en somero, estas necese rezerv ĉambrojn tre frue antaŭe. La Loka Komitato sendos al la aliĝintoj adresojn kaj prezojn de loĝejoj por ke ili antaŭmendu mem laŭ sia deziro.

**Manĝado.**

Estas utile memori, ke Ĝenevo tute ne estas granda urbo. Nur centtridekmil loĝantojn ĝi havas. Kvaronhoro sufiĉas por piediri de la hoteloj aŭ pensionoj la plej malproksimaj al la kongresejo. Estas do rekomendinde loĝi pensione, t. e. manĝi samloke por ŝpari monon, ĉar aparta manĝado en restoracioj estas ĝenerale multe pli kara kaj Ĝenevo ne estas urbo kun multaj restoracioj krom la hoteloj mem.



ĜENEVO

**Senpaga vizo de Pasporto.**

La Svisa Registaro informis la organizantojn de la Kongreso, ke la eksterlandaj partoprenontoj ricevos senpagan vizon de sia pasporto prezentante sian kongresan karton al la svisa konsulo en sia lando. Sed jam multaj diverslandanoj tute ne bezonas vizon por Svislando. Ni publikigos la liston de tiuj landoj en N-ro 2.

**Turismo.**

La Svisa Turisma Oficejo eldonos belan gvidlibron de Svislando kun ilustraĵoj, kiun oni povos jam antaŭe peti de Schweiz. Verkehrcentrale, Löwenstrasse, Zürich, Svislando, kie estas ankaŭ ricevebla listo de svisaj hoteloj kun prezoj. Esperantistoj dezirantaj restadi sur montoj devos laŭeble antaŭmendi ĉambron, ĉar Aŭgusto estas plena sezono.

Ĉiam skribu en Esperanto!

**Klimato.**

La klimato estas varma en Ĝenevo dum Aŭgusto. Nur tiuj, kiuj volus poste restadi sur montaro, bezonos alporti varmajn vestojn aŭ mantelon kaj altajn ŝuojn.

**Ĉiujn korespondaĵojn kaj monsendojn ne direktu al personoj, sed adresu senescepte al**

**XVII. Universala Kongreso de Esperanto**

**12, Bd. du Théâtre, GENÈVE (Svislando).**



# XVII.
# Universala Kongreso de Esperanto

**Ĝenevo, 3—7 Aŭgusto 1925**

| Nur por la Oficejo: |
| --- |
| Alveno: |
| Kaso: |
| Ricevita mono: |
| Kongresano: N-ro |
| Slipo farita: |
| Rimarkoj: |
| |
| Respondis: |
| |

# *ALIĜILO*

*La subskribinto — ano de UEA, N-ro ............ — aliĝas al la XVII. kongreso de Esperanto. Li pagas la kotizon de ............ Frankoj svisaj per ............................ .*

*Li mendas turistan bileton de UEA je ............ kaj enpagas unuan parton — plensume.*

*Loko kaj dato:* ............................ *Subskribo:* ............................

## *Informoj*

*Nomo:* ............................ *Antaŭnomo:* ............................

*Profesio:* ............................ *Membro de UEA: N-ro* ............................

*Strato:* ............................ *Urbo kaj lando:* ............................

*Alveno: Mi intencas alveni Sabaton, 1 aŭgusto — Dimanĉon, 2 aŭgusto — Lundon, 3 aŭgusto.*

*Preferoj pri loĝado:* ............................

............................

............................

*Aliaj sciigoj:* ............................

............................

............................

............................

# Administraj informoj:

## Kongresa kotizo:

25 Fr. sv., por anoj de UEA 20 % da rabato: 20 Fr. sv.; por junuloj (ĝis aĝo de 20 jaroj) anoj de UEA 15 Fr. sv.

## Ŝparkonto:

Por faciligi la partoprenon de la kongreso al la finance ne fortaj samideanoj, la Kongresa Kaso malfermas ŝparkonton en svisaj frankoj. Pri ĝi la kongresano povas decidi laŭ sia volo; estas akceptataj enpagoj de 10 Fr. sv. laŭ taga kurzo en ĉiu fremda mono.

## Turistaj biletoj de UEA:

Kvar diversaj tipoj, enhavas: la kongreskotizon, la biletojn por la somera universitato, balo, teatro, ekskurso, unusemajnan loĝadon kaj manĝadon (kun ĉiuj trinkmonoj).

| Malkara simpla: | Meza: | Unuaranga: | Luksa: |
|---|---|---|---|
| Fr. sv. 110.— | 140.— | 200.— | 300.— |

Kun vojaĝa bileto de London—Genève—London:

| IIIa klaso: | IIa klaso: | IIa klaso: | IIa klaso: |
|---|---|---|---|
| £ 9.10.— | 12.10.0 | 15.0.0 | 20.0.0 |

La manĝado kompreniĝas por tri manĝoj: matenmanĝo kompleta, tagmanĝo kaj vespermanĝo, sen vino.

## Pagmaniero:

Ĉiuj pagoj al la XVIIa kongreso devas esti sendataj al Universala Kongreso de Esperanto, 12 Boulevard du Théâtre, Genève. Laŭ interkonsento kun UEA ĝiaj poŝtĉekkontoj en Ĉeĥoslovakio, Germanio, Pollando, Svislando povas esti utiligataj.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Poŝtĉekkonto 79236 Praha | Poŝtĉekkonto 90850 Frankfurt am Main | Poŝtĉekkonto 19076 Warszawa | Poŝtĉekkonto Genève I. 2310 |

Estas akceptataj ĉiuj bankbiletoj fremdaj, ĉekoj ktp., kalkulataj laŭ taga kurzo. Skribante al la kongreso oni ne demandu pri UEA-aferoj aŭ reciproke; konsilinde kaj nepre sekvinde estas bona disigo de la du aferoj. Tio evitas rekopiadon kaj sekve perdon de tempo, ĉar la oficistoj estas ne la samaj.

## Adreso:

La adreso de la kongreso estas: XVII. Universala Kongreso de Esperanto, 12 Boulevard du Théâtre, Genève, Svislando. Telegramoj: Esperanto, Genève.

Esperanto-Presejo Magdeburg-N.




# KONGRESA BULTENO

de la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 2-7 Aŭg. 1925

No 2 — Aldono al „ESPERANTO“ — Januaro 1925

ELDONATA DE LA LOKA ORGANIZA KOMITATO, 12 BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE (SVISLANDO)

## *LA LAGO LEMANA.*

de Byron.

☆

Rousseau, Voltaire, Gibbon... kaj De Staël,
de vi, ho Lag' Lemana, indaj nomoj,
kaj vi de ili inda. Se perei
vi devus, nur pro fam' ilia vivus
memoro via. Ĉarmaj viaj bordoj
ja estas je si mem, sed pli ĉarmigis
la glor' de tiuj superuloj ilin,
ĉar la Geni' privilegion havas
la domon sankta igi de l' Saĝeco.
Spegulon vian dolĉe tuŝetante
plibone kiel ni la grandaniman
eksentas flamon nin fierigantan
pro la idar' de l' senmorteco. Kiel
de l' gloro la elspiro realiĝas!

Trad. *A. Mazzolini.*

★

# La Somera Universitato.

La ĉefa novaĵo por la esperantistaro en 1925 estos la Somera Universitato en nia lingvo. Jam antaŭ la milito D-ro Privat projektis tiun aferon kaj de la 1 ĝis 7 Aŭgusto 1925 li intencas ĝin realigi unuafoje laŭ la jena programo, se sufiĉa nombro da partoprenontoj enskribiĝos:

Vendredon, 31 Julio, vespere, la somer-kursoj en Esperanto solene malfermiĝos per ceremonio ĉe la Ĝeneva Universitato sub prezido de ties Rektoro.

Sabaton, 1 Aŭgusto, la prelegoj komencos kaj okazos regule ĉiumatene. La somer-universitato enhavos kredeble kvar sekciojn, unu pri pedagogio kaj psikologio, unu pri lingvo-scienco, unu pri fizika scienco kaj unu pri internacia juro.

La unua sekcio estos aranĝata rekte de la universitata lernejo de pedagogiaj sciencoj (Instituto J. J. Rousseau) sub persona gvidado de la konata Prof. Pierre Bovet. Krom la prelegoj pri psikanalizo kaj novaj pedagogiaj metodoj, la sekcianoj kunvenos en la instituto kun Profesoroj Bovet, Baudoin, Flügel, de la Londona Universitato k. a. por interparoli pri tiuj temoj kaj kune vizitos interesajn lernejojn, eksperimentaĵojn, ktp. Tiu fako interesos antaŭ ĉio la geinstruistojn kaj edukistojn.

La dua sekcio estos aranĝata de la Internacia Instituto de Esperanto. Profesoro Collinson, de la Liverpoola Universitato, kaj aliaj diverslandaj lingvistoj prelegos tie pri la historio, literaturo kaj sintakso de nia lingvo kaj pri lingvoscienco ĝenerale. Ĝi interesos ĉefe tiujn, kiuj deziras pliperfektigi sian konon de Esperanto kaj kapabliĝi por instrui ĝin.

La tria sekcio dediĉos prelegojn al scienco kaj tekniko de radio, celante aŭdigi en nia lingvo klaran instruadon pri tiu temo per kompetentaj scienculoj el diversaj nacioj.

La kvara sekcio estos aranĝata kun helpo de la Ligo de Nacioj, de la Internacia Labora Oficejo, de la Universala Poŝta Unio, de la Universala Telegrafa Unio kaj de la Internacia

## Administra informilo.

**Loka Kongresa Komitato.** — La estraro de la Loka Kongresa Komitato (L. O. K.) konsistas el unu reprezentanto de la Internacia Centra Komitato (C. K.), D-ro Privat, unu de la komitato de UEA, S-ro Paul Bouvier, unu de Svisa Esperanta Societo, F-ino Alice Diekmann, unu de la Ĝeneva grupo „Stelo", S-ro Rinaldo Borsa. Financa fako: S-ro Hans Jakob. Ĝenerala sekretario: S-ro Robert Kreuz.

**Vizo de pasportoj.** — El jenaj landoj la kongresanoj rajtas eniri Svislandon *sen vizo*, nur prezentante sian nacian pasporton: *Francujo, Liechtenstein, Belgujo, Danujo, Brita Imperio, Luksemburgo, Nederlando, Norvegujo, Svedujo, Hispanujo, ĉiuj ŝtatoj de Ameriko, Ĥinujo, Japanujo.*

Alilandaj kongresanoj devas prezenti sian pasporton al la svisa konsulejo, kie ili ricevos senpagan vizon montrante sian kongreskarton. Kie ekzistas specialaj kondiĉoj pri vojaĝo eksterlanden, la L. K. K. faros necesajn klopodojn ĉe la koncerna registaro.

**Kotizo.** — La C. K. decidis fiksi unu solan kotizon por ĉiuj kongresanoj sen diferenco pri landoj. Ĝi estos 25 svisaj frankoj, sed organizitaj esperantistoj, kiuj regule kotizas al nia Universala Esperanto-Asocio, ricevos rabaton de 20% kaj pagos nur 20 svisajn frankojn. Junuloj (malsuper 20 jaraj), membroj de UEA, pagos nur 15 svisajn frankojn. Frua aliĝo estas rekomendata por helpi la aranĝon.

**Turistaj biletoj de UEA.** — Por la kongresanoj, kiuj deziros eviti ĉiujn malfacilaĵojn de mendo, trinkmono, biletaĉetado ktp., UEA aranĝos por siaj membroj ne nur karavanojn, sed *turistajn biletarojn* entenantajn ĉiujn elspezojn de kongresano dum unusemajna restado en Ĝenevo, ekzemple

*kongreskotizo, somera universitato, teatro, balo, ŝipekskurso, unusemajna loĝado kaj manĝado en tre bona hotel-pensiono, ĉiuj trinkmonoj enkalkulitaj*
*sv. fr. 140.*— (bileto verda)
kun bileto IIa klasa Londono—Ĝenevo—Londono
£ 12.10.—

*ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en unuagrada hotelo ĉe la lago (ĉiuj trinkmonoj enkalkulitaj)*
*sv. fr. 200,*— (bileto flava)
kun bileto IIa klasa Londono—Ĝenevo—Londono
£ 15

*ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en la plej luksa hotelpalaco ĉe la lago kun trinkmonoj enkalkulitaj*
*sv. fr. 300.*— (bileto blanka)
kun bileto IIa klasa Londono—Ĝenevo—Londono
£ 20

*ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en modesta studenta pensiono (trinkmonoj enkalkulitaj)*
*sv. fr. 110,*— (bileto ruĝa)
kun bileto IIIa klasa Londono—Ĝenevo—Londono
£ 9.10.—

Al la supraj prezoj de 110, 140, 200 kaj 300 fr. la kongresano devas alkalkuli la koston de la vojaĝo de sia loko ĝis Genève. Ni konigas tiujn prezojn de kelkaj centroj en venonta numero de la bulteno.

Ni atentigas, ke la supraj ciferoj (110, 140, 200 kaj 300) enhavas ĉion sen fervoja bileto; kongresano ne povanta ĉeesti la kongreson, ricevos la enpagitan monon, malpli 20 fr. (kongreskotizo), kondiĉe, ke li decatempe informos la L. K. K. pri la nepartopreno.

**Karavanoj.** — Ni jam sciiĝis, ke kelkaj delegitoj preparos komunan vojaĝon de kongresanoj al Genève. Ni esperas, ke ni povos informi pri tiaj karavanoj kaj adresoj de organizantoj en la proksima numero.

**Provizora programo.** —

Vendredon, 31 julio: Vespere malfermo de la Somera universitato.
Sabaton, 1 aŭgusto: Prelegoj ĉe la Somera Universitato.
Dimanĉon, 2 aŭgusto: Matene Diservoj, posttagmeze K. R., vespere solena malfermo de la kongreso.
Lundon, 3 aŭgusto: Matene laborkunsido, posttagmeze ŝipekskurso sur Ĝeneva Lago.
Mardon, 4 aŭgusto: Prelegoj, fakoj, vespere balo.
Merkredon, 5 aŭgusto: Prelegoj, fakoj, vespere teatro.
Ĵaŭdon, 6 aŭgusto: Prelegoj, komitatoj, vespere teatro.
Vendredon, 7 aŭgusto: Matene fina laborkunsido.
Sabaton, 8 aŭgusto: Ekskurso al svisa montaro.

**Listo de kongresanoj.** — Je la 31 decembro aliĝis kaj pagis la kotizon:

1. S-ro Humberset, P., Le Locle (Svislando)
2. „ Bünemann, Oscar, Hamburg (Germanlando)
3. S-ino Bünemann, Elisabeth, Hamburg (Germanlando)
4. S-ro Isbrücker, J. R. G., Den Haag (Nederlando)
5. S-ino Isbrücker, Julia, Den Haag (Nederlando)
6. S-ro Bunzl, Josef Ewald, Praha (Ĉeĥoslovakio)
7. S-ino Bunzl, Elly, Praha (Ĉeĥoslovakio)
8. F-ino Zybo, Frk. Astrid, København (Danlando)
9. „ Jörgensen, Anna, København (Danlando)
10. S-ro William, Curt, Stettin (Germanlando)
11. „ Ravestein, J., jun., S'Gravenhage (Nederlando)
12. S-ino Ravestein, J. M., S'Gravenhage (Nederlando)
13. S-ro Furher, Harriet Mitchell, Whitchurch (Britlando)
14. „ Grot, Edgaro, Riga (Latvio)
15. „ Stoeckert, Kurt, Pulsnitz i. Sa. (Germanlando)
16. S-ino Stoeckert, Pulsnitz i. Sa. (Germanlando)
17. S-ro Goebel, Wilhelm, Pulsnitz i. Sa. (Germanlando)
18. „ Haefeker, Kurt, Siegburg (Germanlando)
19. „ Page, William, Main, Edinburgh (Skotlando)
20. „ Bachmann, Friedrich, Heilbronn (Germanlando)
21. „ Lorenz, H., Koblenz (Germanlando)
22. „ Schönrich, Kurt, Wiesbaden (Germanlando)
23. „ Wiria, Godfred, S'Grafenhage (Nederlando)
24. S-ino Wiria, S'Grafenhage (Nederlando)
25. „ Magnus-Foecké, Marguerite, Orléans (Franclando)
26. „ Moreau, Orléans (Franclando)
27. „ Dru, Antonine, Orléans (Franclando)
28. S-ro Merrick, W. Percy, Shepperton (Britlando)
29. S-ino Merrick, M. Charlotte, Shepperton (Britlando)
30. „ Ewans, Erie, Cardiff (Britlando)
31. „ Westerman, Johanna, S'Gravenhage (Nederlando)
32. S-ro Hauber, Richard, Kaiserslautern (Germanlando)
33. „ Schöpfer, Franz, Voitsberg (Aŭstrio)
34. „ Bálková, Ŝtevá, Praha-Žižkov (Ĉeĥoslovakio)
35. F-ino Kraay, Edith, S'Gravenhage (Nederlando)
36. S-ro Rockmann, Fritz, Magdeburg (Germanlando)
37. „ Berger, Bertalau, Tabarz i. Th. (Germanlando)
38. „ Gottgetreu, Paul, Hannover (Germanlando)
39. S-ino Gottgetreu, Klara, Hannover (Germanlando)
40. S-ro Voeleker, Alexis, Meiningen (Germanlando)
41. F-ino Noguet, Alice, Vallorbe (Svislando)
42. „ Offerhaus, Christina, S'Gravenhage (Nederlando)
43. S-ro Krysta, Ludoviko, Česki Tešin (Ĉeĥoslovakio)
44. „ Krieger, William, Stettin (Germanlando)
45. „ Wehlitz, Otto, Rähnitz-Hellerau (Germanlando)
46. S-ino Wehlitz, Rähnitz-Hellerau (Germanlando)
47. S-ro Oehmig, Hieronymus, Herne i. W. (Germanlando)
48. S-ino Wanands, Minni, Herne i. W. (Germanlando)
49. F-ino Meyerhuber, Elise, München (Germanlando)
50. S-ro Schütte, August, Berlin (Germanlando)



ĜENEVO. — Ĝenerala vidaĵo.

Komitato de la Ruĝa-Kruco. Ĝi celos informi precize la studantojn pri la statutoj kaj funkciado de la oficialaj interŝtataj institucioj. Krom prelegoj okazos ankaŭ vizitoj.

Ni esperas, ke la enskriba pago por la somera universitato povos malaltiĝi ĝis 5 sv. frankoj por la kongresanoj, sed, ĉar ĉiu sekcio kompreneble povos ricevi nur limigitan nombron da partoprenantoj, ni petas afable ĉiujn aliĝontojn, ke ili jam de nun informu nin, *sur aparta papero,* al kiu sekcio ili deziras aliĝi, ĉiam indikante sian profesion kaj laŭvole sian universitatan aŭ lernejan gradon, se ili posedas unu.



ĜENEVO. — Place Neuve kun Kongresejo.



ĜENEVO. — Sekretariejo de la Ligo de Nacioj.

# Alpofervojo Bern-Loetschberg-Simplon.

La trafika funkcio de la Berna Alpofervojo estas duopa: ĝi estas la ĉefa alveturlinio al mondfama Berna Oberland kaj unu el la plej belaj vojaĝallogejoj. La Berna Alpofervojo estas samtempe ligilo de la internaciaj trafiklinioj de l' norda al suda Eŭropo, la plej mallonga kunigo de Londono kaj Parizo al Milano kaj Genovo. La veturado sola sur la Berna Alpofervojo estas multĝojiga. De Brig al Hothen kaj Goppenstein, 400 metrojn super la valo de la Rhone, grimpas la fervojo. La perspektivo el la vagono ĉiam larĝiĝas kaj profundiĝas ĝis kiam ni ĝuas de Hothen panoramon pri la valo de Rhone de ĉe Brig ĝis Sion kaj pli valen. Holanda publicisto prave karakterizis la Bernan Alpofervojon kiel unuarangan perspektivfervojon. Belegaj bildoj sin prezentas al ravita vojaĝanto. Inter Lalden kaj Ausserberg, montoj de la valoj de Visp — la Miŝabel-grupo — ĉielen leviĝas kun neĝkovritaj pintoj, kuploj kaj superas la verdan promontaron. Sovaĝaj fendegoj de la Baltschieder- kaj Bietschriveroj transigitaj per altaj pontoj efike ekkonigas al ni la grandiozan erozion de la glaciaro kaj montriveroj venintaj el la Bietschhorn-grupo en la valon de Rhone. Impona estas la sovaĝa Lonza-fendego, kiu formas la malsupran parton de la ĉarma kaj samtempe origina valo de Loetschen. Migrado tra tiu valo de Goppenstein al Kippel, ĉefloko de l' valo, al kiu kondukas larĝa veturila strato, estas multĝojiga.



*Reichenbach kun Blümlisalp.*

Traveturinte la 14,6 km longan tunelon de l' Loetschberg ni troviĝas en la vallfundo de Kandersteg, de kie ni povas grimpi sur la transirejoj de Gemmi kaj Loetschen. La mallarĝa ebeno de Kandersteg estas longa proksimume unu horon. Ĝi estas meze de krutaj montmuroj. El Kandersteg multaj marŝadoj kaj ekskursoj sur montoj kaj transirejoj estas efektiveblaj. Se ni ne preferas piediri al la lago de Oeschinen kaj sur la transirejo de Gemmi, duradaj ĉaretoj nin kondukas tien. Kandersteg estas multe ŝatata kiel kuracejo dum somero kaj vintro. De Kandersteg (1200 m. s. m.) ĝis Frutigen (822 m. s. m.) la fervojo ree valenveturas ĉirkaŭ 400 m kaj per duobla rondiro venkas la diferencon de altoj. Ankaŭ ĉi tiu veturado kun belega panoramo estas riĉa je pentrindaj kaj romantikaj bildoj. Post trihora piediro aŭ post proksimume unuhora poŝtaŭtomobila veturo de Frutigen ni alvenas en Adelboden, fama kiel somer- kaj vintrorestadejo. Sur la plej malsupra ebeno Frutigen-Spiez estas la lokoj Reichenbach je la enirejo en la belan Kiental, Mülenen, stacio de la ŝnurego-fervojo sur Niesen (2363 m) kun sia belega panoramo sur la lagoj kaj montoj, kaj fine la banloko Heustrich. La kuracejo Spiez kuŝas ĉe ŝirmita kaj belega golfo apud la blua lago de Thun, ĝi estas la elirpunkto de ekskursoj en la valon de Simmen, al Thun kaj Bern, al Interlaken (vaporŝipe aŭ fervoje), al lago de Brienz, en la valon de Hasli kaj supren en la valojn de Lütschinen. Multnombraj estas la kuracejoj je la bordo de ambaŭ lagoj, sur altaĵoj kaj montoj. Interlaken estas la perlo de ĉiuj restadejoj. Ĝi prezentas ĉiun eblan komforton: „Kursaal“ koncertoj, lagbano, traarbaj promenadoj, ekskursoj valoraj per montfervojo sur Heimwehfluh, Harder, Schynige Platte, Grindelwald, Lauterbrunnen, Mürren, Wengen, Scheidegg, Jungfraujoch ktp. Nenie kuniĝas tiel granda riĉeco kaj diverseco de naturbelaĵoj en malgranda spaco kiel en *Berna Oberland.* Jen majestaj alpoj, jen ĉarmaj alpovaloj aŭ bluaj lagoj, kiuj ĉiam ĝojigas kaj ravigas la amikon de l' naturo.

Do, kongresanoj, vizitu nian belan „Berna Oberland“, postulu ĉe ni ĉiulingvajn prospektojn kaj propagandilojn, eĉ en Esperanto, senpage sendotajn al ĉiu demandonto.

*Berna Alpofervojo Bern-Loetschberg-Simplon.*

Esperantigis: Jules Perlet, Bern.




# KONGRESA BULTENO

de la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 2-7 Aŭg. 1925

Nº 3 Aldono al „ESPERANTO“ Februaro 1925

ELDONATA DE LA LOKA ORGANIZA KOMITATO, 12 BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE (SVISLANDO)

## Historio de Ĝenevo.

### Kial Ĝenevo estas konata?

Inter blankpintaj Alpoj kaj Jura Montaro, ĉe la loko kie blua Rodano elfluas el Lemana Lago, kuŝas de pli ol dumil jaroj malgranda urbo Ĝenevo, kiu eĉ hodiaŭ enhavas nur cent mil loĝantojn. Tamen inter la centoj da pli gravaj kaj pli vastaj urboj en ĉiuj landoj de la mondo, nur tre malmultaj posedas nomon tiel konatan kiel la nomon de Ĝenevo. Ĉu famigis tiun urbon ĝia belega situacio alloganta la turistojn? Ĉu ĝiaj kelkaj interesaj monumentoj? Sendube pri tiuj aferoj oni povas legi en la vojaĝaj gvidlibroj, sed en Svisujo ne mankas la belaj lokoj kaj, en Italujo, estas Venezio aŭ Pompei centoble pli riĉaj je ŝtonaj memoraĵoj.

Kiu studis la historion de homaro, tiu ja bone scias, ke la famon de Ĝenevo kaŭzis ĝia internacia rolo en la mondo de ideoj.

Kuŝante ĉe la kruciĝo de l' vojoj de Italujo al Anglujo, de Francujo al Svisujo kaj Germanujo, ne speciale komercaĵojn materialajn ricevis kaj dissendis Ĝenevo tra tuta Eŭropo, sed potencajn ideojn kaj fortan sciencon, kiam ĉesis la Mez-aĝa Epoko por lume malfermi la vastan pordon de l' Moderna Tempo.

### De Julio Cezaro al Calvin.

Ĝenevo estis la plej norda urbeto de l' Alobrogoj, kiam ilia lando estis akirita de l' Roma Imperio. Jam Julio Cezaro tien venis por detrui ponton kaj malpermesi, ke la Helvetoj transpasu la Rodanon.

Ĉe la dispeciĝo de l' Imperio, Ĝenevo fariĝis ĉefurbo de l' Burgunda reĝlando en jaro 428. Poste la francoj akiris ĝin, sed post la morto de Karlo-Granda ĝi refariĝis ĉefurbo de l' nova Burgunda reĝlando, kiun baldaŭ venkis la germana Imperiestro Konrad II a (1034).

Dum la sekvantaj centjaroj, Ĝenevon regadis ĝiaj episkopoj, ĉiam devigataj bataladi kontraŭ la dukoj de Savojlando, kiuj forte deziris akiri al si la urbon. Fine Savoja duko elektigis parencon sian kiel episkopon de Ĝenevo, kaj la Ĝenevanoj devis komenci ribeladon kontraŭ sia episkopo por liberiĝi el fremdula tiranado.

La plej fama heroo de tiu ribelado estis *Philibert Berthelier,* kiu estis en 1519 kondamne mortigita kaj kies statuo nun staras antaŭ la Turo de l' Insulo, inter ambaŭ partoj de l' urbo. Dank' al helpado de Friburgo kaj Berno, la Ĝenevanoj baldaŭ tute liberiĝis el la tiranado kaj organizis sian urbon kiel sendependan respublikon. En 1533 la lasta episkopo de Ĝenevo forkuris el la urbo.

### La Reformacio en Ĝenevo.

Kiam la unuaj reformatoroj francaj Farel, Froment kaj Viret alvenis Ĝenevon, ili trovis urbon de gajaj komercantoj, tre fervoraj por defendi sian rajton kaj sian liberecon, sed ankaŭ tre fervoraj por ĝojado kaj amuziĝado. Unue la evangeliistoj estis tre malbone akceptataj. Oni ilin insultis kaj persekutis. Ofte ili devis forlasi la urbon.

Tamen la Ĝenevanoj ne forgesis la teruran subpremadon, kiun tiel longe suferigis al ili la episkopoj. Post multaj diskutoj ili decidis en 1535 oficiale akcepti la Reformacion kaj samtempe malfermi publikan lernejon, „kie ĉiuj infanoj lernos tute senpage legadon, skribadon kaj kalkuladon“.

Per la sama decido, kiu ĝeneraligis la novan predikadon de l'evangelio, la Ĝenevanoj fondis en sia urbo la *publikan senpagan instruadon* devigan por ĉiuj.

## Calvin en Ĝenevo.

Naskiĝinte en franca urbo Noyon en 1509 kaj alveninte Ĝenevon en 1538, Calvin estis tiam 29-jara junulo, pala kaj malsanema pro tro da laboro, maldormo kaj danĝero. Plej multe li ŝatis trankvilajn studadon kaj pensadon. Kiam proponis al li Farel, ke li restu en Ĝenevo por organizi la eklezion kaj la instruadon, reformi la morojn, unuvorte ordigi la tutan urbon, kiu estis en plena malordo, Calvin estis tute timigata kaj tuj rifuzis, sentante sin ĉiuokaze tro juna. Sed Farel riproĉis lin, ke li preferas sian studadon al sia devo kaj fine konvinkis lin, ke Dio lin ordonas resti en Ĝenevo. Fine cedis Calvin. Li komencis publikan instruadon kaj eklaboris kun Farel por purigi la morojn de l' Ĝenevanoj. Tio ĉi tute ne plaĉis al la plejmulto, kiu tro ŝatis amuziĝadon. Formiĝis granda partio nomita „libertina", kiu baldaŭ fortiĝis tiel, ke ĝi devigis la urbestraron forpeli Farel kaj Calvin. La unua iris al Neuchâtel kaj la dua al Strasbourg.

En Strasbourg Calvin predikadis kaj multe laboradis dum du jaroj. En 1540 la Ĝenevanoj lin petis reveni kaj, kvankam li certe preferis resti en Strasbourg, li fine akceptis pro denova insisto de Farel.

Calvin de tiam restadis en Ĝenevo ĝis la fino de sia vivo. El malserioza urbo de komerco kaj festaj foiroj li faris baldaŭ ĉefurbon de instruado kaj pensado, „la lernejo de nacioj", kiel skribis Michelet. Akirinte jam grandegan influon tra Eŭropo, Calvin kompreneble havis eksterordinaran influon en „sia urbo" Ĝenevo, sed tirano li tamen ne estis, ĉar oficon en la urbestraro li neniam havis. Liajn konsilojn kaj morajn regulojn la Ĝenevanoj nur liberavole akceptis; plie ili ĉiam havis liberecon lin forpeli, se tio plaĉus al ili. Ĉefe morala influo estis lia potenco.

## Fondo de Kolegio kaj Universitato.

Calvin sin okupis ne nur je evangelia predikado kaj reformado de l' moroj, sed ankaŭ — kaj ĉefe — pri instruado. Laŭ lia deziro kaj lia projekto, la urbestraro decidis en 1557 ekkonstrui la grandan lernejon, kiun ankoraŭ hodiaŭ oni nomas la „kolegio de Calvin". De l' 16a centjaro ĝis hodiaŭ miloj da lernantoj sidiĝis sur ĝiaj benkoj. Samtempe Calvin fondis la Akademion por pli supera instruado. Por direkti la kolegion li vokis al Ĝenevo Teodoron de Bèze, francan nobelon, kiu estis profesoro de greka lingvo en Lausanne.

Kiam mortis Calvin, ambaŭ lernejoj enhavis kune mil kvincent lernantojn kaj studentojn.

Calvin baldaŭ fariĝis la spirita direktanto de l' reformacia movado en multaj landoj. Li havis vastegan korespondadon por konsili kaj kuraĝigi ĉiujn apostolojn. Al Ĝenevo baldaŭ alvenadis el diversaj landoj ĉiuj persekutatoj serĉantaj rifuĝejon aŭ instruadon. Ne nur el Francujo ili alvenis, ĉar baldaŭ oni devis fondi en Ĝenevo preĝejon por la angloj, kie predikadis John Knox, kaj alian por la italoj, kiuj multnombre alvenis.

Por la persekutatoj el ĉiuj landoj de Eŭropo, Ĝenevo estis la „urbo de la lumo", la celo de ĉiu ekvojaĝo. Apenaŭ trovinte loĝejon, ili amasiĝis en la ĉambroj de l' Akademio por aŭdi la lecionojn de Calvin, kiu devis baldaŭ instruadi en templo. Lin aŭskultis entuziasmigitaj centoj da homoj, kiuj tie prepariĝis por martireco. Instruiĝis tie junuloj kaj maljunuloj por fariĝi anoncistoj de l' evangelio al siaj nacioj. El tiu aŭdantaro plej multaj estis bruligataj malproksime post kelkaj monatoj. Estis vera lernejo de martiroj.

Dume, tage kaj nokte, oni laboradis en dudek presejoj por eldoni bibliojn kaj komentariojn en diversaj lingvoj. Ilin disportis eksterlanden kuraĝuloj, kiuj ĉiuminute riskis esti arestitaj kaj kondamnitaj je plej teruraj turmentoj. Meze de bolantaj regnoj, entenante inter siaj muregoj „kvazaŭ en juglanda ŝelo" malgrandegan urbeton de dudek mil loĝantoj, Ĝenevo momente fariĝis la koro de revolucia Eŭropo. En ĉiu pulsbato ŝi enricevis aron da rifuĝantoj kaj elsendis aron da batalantoj por la Reformacio en ĉiuj landoj de l' Okcidento.

## La Rifuĝintoj kaj la „Eskalado".

Post la morto de Calvin daŭrigis lian laboron Teodoro de Bèze, lia plej fidela kunlaborinto. En 1574 okazis en Parizo la terura mortigado, kiun historio nomis „la St-Barthélemy". Tridek mil protestantoj estis nokte buĉataj en siaj hejmoj, laŭ reĝa ordono. Kiuj povis saviĝi el persekutado, tiuj alvenis Ĝenevon, lacegaj, malsanaj, senigitaj je ĉio. La urbanoj faris ĉion eblan por ilin akcepti bone, ilin loĝigi kaj helpadi.

De tiam ĝis la komenco de l' XVIIIa centjaro, Ĝenevo estis kvazaŭ ĝenerala eŭropa hotelejo, kie helpon kaj rifuĝejon trovis la persekutatoj el ĉiuj nacioj.

El ili multaj nur kelktempe restadis en la urbo, sed tamen granda nombro da ili iĝis urbanoj kaj donis al Ĝenevo familiojn, kiuj ankoraŭ nun ekzistas tie. El tiuj francoj, italoj kaj flandranoj, multaj estis sciencamaj nobeluloj. Tial la rimarkindaj inteligentuloj, kiujn perdis la netoleremaj regnoj, riĉigis Ĝenevon per talentoj, kiuj grandparte kaŭzis la gloron de ĝia universitato dum postaj centjaroj.

Tiu senhalta akceptado de rifuĝantoj kaj la senĉesa defendado kontraŭ la atakoj de l' Savojaj princoj baldaŭ igis la Ĝenevanojn terure malriĉaj kaj eĉ mizeraj. Legante la historion de tiu tempo oni miras pri la eksterordinara energio, kiu ebligis ilin tiel longe elteni neniam perdante kuraĝon.

En 1602 la duko Karlo Emanuelo de Savojlando subskribis pacan kontrakton kun Ĝenevo kaj samtempe sekrete organizis, kun helpo de fremdaj princoj, noktan

atakon kontraŭ Ĝenevo per grandega armeo. Oni preparis lignajn ŝtupetarojn por supreniri trans la muregojn de l' urbo. Jam multaj informitaj registaroj antaŭĝojis pri la fina kaplo kaj detruo de „malbenita Ĝenevo", la „nesto de hereziuloj". La Mez-Aĝo esperis ankoraŭ mortigi la nove naskitan modernan centron.

La provo malsukcesis. La Ĝenevanoj aŭdis bruon dum la elektita nokto (12an de decembro) kaj vekiĝis sufiĉe frue por disrompi la ŝtupetarojn kaj forkurigi la tutan armeon.

Tiu venko tre ĝojigis la francan reĝon, Henrikon IVan, kiu profitis la okazon por severe minaci sian malamikon la Savojan Dukon. Dume la Bernanoj alvenis rapidpaŝe kaj forkaptis de la Duko la tutan landon ĉirkaŭ la Lemana lago. La Ĝenevanoj estis baldaŭ liberigitaj de grava danĝero dum longa tempo.

Oni rakontas, ke dum la batalo en 1602 (kiun oni nomis „Eskalado") maljuna ĝeneva sinjorino mortigis de sia fenestro savojan soldaton ĵetante sur lian kapon kaldronon plenan je varma supo. Pro tio ĉiujare la 12an de decembro la infanoj en la ĝenevaj familioj ricevas kaldroneton el ĉokolado por memorfesti la „Eskaladon".

La Ĝenevanoj estas tre fieraj pri tiu venka defendo, ĉar ne nur sin mem ili savis per ĝi sed ĉiujn fremdulojn rifuĝintajn en la urbo kaj super ĉio la trezoron de scienco kaj progresa pensado, kiun en Ĝenevo konfide deponis revolucia Eŭropo.

## De 1602 ĝis hodiaŭ.

Dum la XVIIa centjaro Ĝenevo daŭrigis akceptadon de fremdaj rifuĝantoj kaj daŭrigis sian internacian rolon en Eŭropo. En 1627 ĝi ricevis de l' holanda regno fortan monhelpon por rekonstrui siajn ĉirkaŭmurojn. Venis loĝadi en Ĝenevo la fama historiisto *Agrippa de Aubigné* kaj la *duko de Rohan*. Iliaj tomboj kuŝas en la katedra preĝejo de St. Petro. En tiu centjaro Ĝenevo donis al la mondo multajn orientalistojn kaj humanistojn, interalie *Leclerc, de Candolle, Sarrasin* kaj faman artiston *Petitot*.

La sekvanta centjaro (XVIIIa) estis por Ĝenevo tempo de interna organizado kaj de ideaj disputadoj tre interesaj sendube, sed tamen sen grava internacia valoro, esceptante la faman disputon inter la Ĝenevano *J. J. Rousseau* kaj la franco *Voltaire*, kiu kelktempe loĝis en Ĝenevo kaj poste apud la urbo.

Ĝenevo ankoraŭ donis al la mondo la naturalistojn *Trembley, Charles Bonnet* kaj *H. B. de Saussure*, kiu unua suprenrampis al supro de l' Monto-Blanka. Al Francujo ĝi donis du financministrojn *Clavière* kaj la faman *Necker*, kies filino estis la verkistino *Madame de Staël*.

En 1793 okazis en Ĝenevo revolucio laŭ la franca modelo, sed malpli sanga. En 1798 Ĝenevo devis akcepti la regadon de l' Franca Respubliko kaj gastigis iam generalon *Bonaparte*. En 1814, post la Leipziga malvenko de Bonaparte, tiam imperiestro Napoleono, la Ĝenevanoj forpelis sian francan reganton kaj reproklamis sin „sendependa respubliko".

En 1815 Ĝenevo aliĝis al la Svisa Konfederacio kiel „Respubliko kaj kantono de Ĝenevo". La internacia konferenco de Vieno tiam donis al Ĝenevo la ĉirkaŭan landon.

En 1848 la Ĝenevanoj ŝanĝis sian konstitucion kaj akceptis la radikalan sistemon de *James Fazy*.

Mondfamaj Ĝenevanoj de tiu centjaro estis la pentristoj *Hornung, Liotard* kaj *Calame*, la skulptisto *Pradier*, generalo *Dufour*, la humoristaj verkistoj *Rodolfo Tœpffer* kaj *Petit-Senn*, la literaturistoj *Marc Monnier* kaj *Victor Cherbuliez*, la kardinalo *Mermillod*, la historiistoj *Sismondi* kaj *Merle d'Aubigné*. Instruis en la Universitato la fizikistoj *Auguste de la Rive* kaj *Colladon*, la botanikisto *de Candolle*, la fama pensulo *Amiel*, la germana zoologiisto *Karl Vogt* kaj la eminenta filozofo *Ernest Naville*, kiu mortis en 1909, estante 93-jara, sed neniel perdante sian intelektan potencon. Dum la dek lastaj jaroj de sia vivo Ernest Naville multe laboris por disvastigi Esperanton inter la tutmonda scienculаro kaj en sia patrolando Svisujo.

En 1864 estis subskribita en Ĝenevo la internacia interkonsento pri la Ruĝa Kruco, kies iniciatintoj estis ambaŭ Ĝenevanoj. En Ĝenevo ĉiam varbiĝis batalantoj por la noblaj internaciaj aferoj. Eĉ la movado por liberigo de Grekujo ricevis el Ĝenevo ĉefon *Eynard*.

Loĝadis aŭ venis paroladi en Ĝenevo preskaŭ ĉiuj famaj verkistoj de Eŭropo, de la tempo, kiam *Byron* kaj *Shelley* luis dometojn apud la lago, ĝis la tempo, kiam la katolika verkisto *Brunetière* venis paroladi pri Calvin.

Kunvenas en Ĝenevo ĉiusomere multaj universalaj kongresoj de scienculoj, moralistoj, ekonomiistoj, aŭ anoj de ĉiuspecaj internaciaj asocioj. Kunvenis tie en 1906 la dua kongreso de Esperanto kaj paroladis Dro *Zamenhof*.

En 1920 la Ligo de Nacioj kaj la Internacia Labora Oficejo fiksis sian sidejon tie kaj de post tiu tempo multaj diplomatiaj konferencoj okazis.

# XVII^a Universala Kongreso de Esperanto

**Genève, 2—7 Aŭgusto 1925.**

---

## ADMINISTRA INFORMILO.

**Adreso:** XVII. Kongreso de Esperanto, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

**Kotizo:** 25 Fr. sv. po persono: UEA-anoj 20 Fr. sv.: Junuloj (UEA-anoj) 15 Fr. svisa valoro.

---

**Turista bileto,** entenanta la kongreskotizon, biletojn por somera universitato, teatro, balo, ŝipekskurso, unusemajna loĝado kaj manĝado, kun ĉiuj trinkmonoj:

*Simpla:* 110 Fr., (ruĝa) *Meza:* 140 Fr., (verda) *Unuaranga:* 200 Fr., (flava) *Luksa:* 300 Fr. (blanka)

Tiuj prezoj **ne** entenas la vojaĝkoston. — Repago okaze de neĉeesto malpli 20 Fr. kongreskotizo.

Ĉar la nombro de la turistaj biletoj estas limigita pro hotelaj kaj teatraj aranĝoj, oni mendu ilin tuj. La mendlisto estos fermita tre baldaŭ!

**Vizo de pasportoj.** — El jenaj landoj la kongresanoj rajtas eniri Svislandon *sen vizo*, nur prezentante sian nacian pasporton: *Francujo, Liechtenstein, Belgujo, Danujo, Brita Imperio, Luksemburgo, Nederlando, Norvegujo, Svedujo, Hispanujo, ĉiuj ŝtatoj de Ameriko, Ĥinujo, Japanujo.*

Alilandaj kongresanoj devas prezenti sian pasporton al la svisa konsulejo, kie ili ricevos senpagan vizon montrante sian kongreskarton. Kie ekzistas specialaj kondiĉoj pri vojaĝo eksterlanden, la L. K. K. faros necesajn klopodojn ĉe la koncerna registaro.

**Pagmaniero:** Laŭ interkonsento kun UEA ĝiaj poŝtĉekkontoj diverslandaj kun adreso de UEA povas esti uzataj.

| | |
|---|---|
| *Aŭstria:* | Konto 105 439 Postsparkassenamt Wien. |
| *Ĉeĥa:* | Poŝtĉekkonto 79236, Praha. |
| *Germana:* | Poŝtĉekkonto 90850, Frankfurt am Main. |
| *Svisa:* | Cpte Chèques Postaux, Genève I. 2310. |
| *Pola:* | Konto: 190.576, Warszawa. |

Plie estas akceptataj ĉiu fremda mono, en banko ŝanĝebla, ĉekoj, ĝiritaj al *XVII. Kongreso de Esperanto, Genève,* ktp.

**Provizora programo.** —

Vendredon, 31 julio: Vespere malfermo de la Somera universitato.
Sabaton, 1 aŭgusto: Prelegoj ĉe la Somera Universitato.
Dimanĉon, 2 aŭgusto: Matene Diservoj, posttagmeze K. R., vespere solena malfermo de la kongreso.
Lundon, 3 aŭgusto: Matene laborkunsido, posttagmeze ŝipekskurso sur Ĝeneva Lago.
Mardon, 4 aŭgusto: Prelegoj, fakoj, vespere balo.
Merkredon, 5 aŭgusto: Prelegoj, fakoj, vespere teatro.
Ĵaŭdon, 6 aŭgusto: Prelegoj, komitatoj, vespere teatro.
Vendredon, 7 aŭgusto: Matene fina laborkunsido.
Sabaton, 8 aŭgusto: Ekskurso al svisa montaro.

---




# KONGRESA BULTENO

de la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 2-7 Aŭg. 1925

Nº 4 Aldono al „ESPERANTO" Marto 1925

ELDONATA DE LA LOKA ORGANIZA KOMITATO, 12 BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE (SVISLANDO)

## ADMINISTRA INFORMILO.

**Adreso:** XVII. Kongreso de Esperanto, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.
**Kotizo:** 25 Fr. sv. po persono: UEA-anoj 20 Fr. sv.; Junuloj (UEA-anoj) 15 Fr. svisa valoro.

---

**Turista bileto de UEA,** entenanta la kongreskotizon, biletojn por somera universitato, teatro, balo, ŝipekskurso, unusemajna loĝado kaj manĝado, kun ĉiuj trinkmonoj:

*Simpla:* 110 Fr., *Meza:* 150 Fr., *Unuaranga:* 200 Fr., *Luksa:* 300 Fr.
(ruĝa) (verda) (flava) (blanka)

Tiuj prezoj **ne** entenas la vojaĝkoston. — Repago okaze de neĉeesto malpli 20 Fr. kongreskotizo.

Ĉar la nombro de la turistaj biletoj estas limigita pro hotelaj kaj teatraj aranĝoj, oni mendu ilin tuj. La mendlisto estos fermita tre baldaŭ!

**Vizo de pasportoj.** — El jenaj landoj la kongresanoj rajtas eniri Svislandon *sen vizo,* nur prezentante sian nacian pasporton: *Francujo, Liechtenstein, Belgujo, Danujo, Brita Imperio, Luksemburgo, Nederlando, Norvegujo, Svedujo, Hispanujo, ĉiuj ŝtatoj de Ameriko, Ĥinujo, Japanujo.*

Alilandaj kongresanoj devas prezenti sian pasporton al la svisa konsulejo, kie ili ricevos senpagan vizon montrante sian kongreskarton. Kie ekzistas specialaj kondiĉoj pri vojaĝo eksterlanden, la L. K. K. faros necesajn klopodojn ĉe la koncerna registaro.

**Pagmaniero:** Laŭ interkonsento kun UEA ĝiaj poŝtĉekkontoj diverslandaj kun adreso de UEA povas esti uzataj.

| | |
|---|---|
| *Aŭstria:* | Konto 105 439 Postsparkassenamt Wien. |
| *Ĉeĥa:* | Poŝtĉekkonto 79236, Praha. |
| *Germana:* | Poŝtĉekkonto 90850, Frankfurt am Main. |
| *Svisa:* | Cpte Chèques Postaux, Genève I. 2310. |
| *Pola:* | Konto: 190.576, Warszawa. |

Plie estas akceptataj ĉiu fremda mono, en banko ŝanĝebla ĉekoj, ĝiritaj al *XVII. Kongreso de Esperanto, Genève,* ktp.

---

## Antaŭkongreso en Bern (Svislando).

**Sabaton, 1. Aŭgusto 1925.**

---

Bern, urbo de la IX-a Universala Kongreso de Esperanto en 1913, havas la ĝojon inviti la vizitontojn de la Ĝeneva Kongreso al humila festo je la honoro de nia Majstro.

La IX-a Kongreso estis la lasta, kiun la amata aŭtoro de Esperanto persone partoprenis. Pro tio la Berna Esperantistaro decidis starigi indan memoraĵon. Bona artisto faras *Plaketon el bronzo kun la busto de L. L. Zamenhof.* Tiun plaketon oni fiksos sur la muro de la hotelo Beau-Site, kie la familio Zamenhof loĝadis dum la kongreso. Kaj oni ĝin solene inaŭguros la tagon antaŭ la komenco de la Ĝeneva Kongreso.

Ĉiu kongresanoj, precipe tiuj el norda kaj orienta Eŭropo, kiuj vojaĝante al Ĝenevo trapasos Svislandon, estas kore invitataj restadi unu tagon en Bern kaj tiamaniere honori la memoron de nia granda Majstro.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Hotelo Beau-Site | Frankoj | 6.— | sen matenmanĝo |
| „ S. Gothard | „ | 5.50, 6.— | „ „ |
| „ Ruof | „ | 4.— *(prec. dulitaj)* | „ „ |
| „ Métropole | „ | 5.— | „ „ |
| „ Popola Domo | „ | 4.20 *(unulitaj)** | „ „ |
| | | 4.30 *(dulitaj)** | „ „ |

*) inkluzive trinkmono.

La kotizo estas 3 sv. fr. Oni ankaŭ akceptas laŭvolajn donacojn por la Zamenhof-plaketo. Komunaj tag- kaj vespermanĝoj je akceptinda prezo estos aranĝataj.

Partoprenontoj sendu tuj sian aliĝon kaj pagon per poŝtmandato aŭ rekomendita letero kaj indiku ĉiujn detalojn pri partopreno al komuna manĝado, loĝigo [kun prezo laŭ la tabelo], alvendato kaj preciza adreso al

Loka Komitato de Esperanto-Antaŭkongreso en Bern
P. K. Transit 560, *BERN,* Svislando.

## Antaŭ- kaj postkongresa karavano Berlin — Ĝenevo — Berlin.

En la nuna jaro estos aranĝata denove antaŭkongresa karavano Berlin—Ĝenevo al nia XVIIa laŭ jena programo:

### Antaŭkongresa karavano.

29 julio: Salutvespero en kafejo Josty, Potsdamer Platz, Berlin.
30 julio: Forveturo de el Berlin, Anhalta stacidomo, je 14.03 h.
Alveno en Frankfurt a. M. je 23.09 h.
Forveturo el Frankfurt a. M. je 23.41 h.
31 julio: Alveno en Basel je 5.50 h.
Forveturo el Basel je 7.50 h.
Alveno en Ĝenevo je 13.17 h.

### Biletprezoj de 3a klaso en rapidvagonaro.

Por la alveturo:

1. Berlin—Frankfurt—Basel—Ĝenevo . . . . . 60,00 gmk.
2. Frankfurt—Basel—Ĝenevo . . . . . . . . . 35,00 „

Kiu deziras lokon en la litvagono de el Frankfurt devas pluspagi en la 3a klaso . . . . . . . 6,60 „

Por la reveturo:

3. Ĝenevo—Basel—Frankfurt—Berlin . . . . . 60,00 „
4. Ĝenevo—Zürich—Stuttgart—Berlin . . . . . 60,00 „
5. Ĝenevo—Zürich—Lindau—München—Berlin . . 65,00 „

Ĉiu aliĝonto devas aldoni por diversaj elspezokostoj (sidloko, afranko ktp.) . . . . . . . 3,00 „

Sidlokoj estos rezervataj de el Berlin, sed nur por tiuj partoprenontoj, kiuj estos aĉetintaj la veturbileton pere de la subskribinto.

Ĉiu nord- kaj mezeŭropano estas kore invitata al la partopreno.

Krom la (sub 1—5) cititaj biletoj estas akceptataj ankaŭ mendoj por biletoj validaj de ĉiu alia urbo eŭropa. Tiukaze ĉiu aliĝonto bonvolu specialigi sian deziron precipe pri la elektita vojaĝvojo. Aliaj specialaj deziroj estos plenumataj laŭeble.

Al demando-leteroj aldonu respondkuponon.

Leter- kaj monsendaĵojn direktu al mia oficejo (adreso sube).

Lasta tago de aliĝo estas: **15 julio 1925.**

### Postkongresa karavano.

Por montri al la gekongresanoj la belecojn kaj belaĵojn de Svislando kun ĝiaj multaj ĝuoj la mondkonata trafikentrepreno „Mitteleuropäisches Reisebüro“ en Berlin W 9, entrepreno de UEA, aranĝos jenan postkongresan karavanon gvidotan de la subskribinto: Ĝenevo—Montreux—Interlaken—Luzern (Vierwaldstättersee, Pilatus, Rigi, Flüelen ktp.) —Zürich laŭ jena

*Programo.*

9 aŭgusto: Matenmanĝo en Ĝenevo. Forveturo el Ĝenevo vaporŝipe sur la Ĝeneva lago. Tagmanĝo sur la vaporŝipo. Alveno en Montreux. Al la hotelo. Rigardado de Montreux. Vespermanĝo kaj loĝado.

10 aŭgusto: Matenmanĝo en Montreux. Al la stacidomo. Forveturo el Montreux per la Montreux-Oberland-fervojo. Tagmanĝo en la manĝo-vagono. Alveno en Interlaken. Al la hotelo. Rigardado de Interlaken. Vespermanĝo kaj loĝado.

11 aŭgusto: Matenmanĝo en Interlaken. Al la stacidomo. Forveturo el Interlaken. Alveno en Luzern post 4 horoj. Al la hotelo. Tagmanĝo. Post la tagmanĝo ekskurso al monto Pilatus, parte per fervojo parte per ŝipo. Post la reveno vespermanĝo kaj loĝado.

12 aŭgusto: Matenmanĝo. Antaŭtagmeze restas libera por ripozo. Tagmanĝo. Post tagmanĝo ekskurso al monto Rigi, fervoje tra Arth—Goldau—Rigi—Kulm kaj reen sur la alia flanko de la monto fervoje ĝis Vitznau, de tie vaporŝipe al Luzern. Vespermanĝo kaj loĝado en Luzern.

13 aŭgusto: Matenmanĝo. Tuttaga ekskurso sur la Vierwaldstättersee. Forveturo el Luzern vaporŝipe je la 9a h. ĝis Rütli. Vizito de la monto Rütli. Daŭrigo de la ekskurso vaporŝipe ĝis Flüelen. Tagmanĝo en Flüelen. Daŭrigo de la ekskurso vaporŝipe de Flüelen ĝis Tellsplatte. De tie piedirado ĉ. 5 km trans Sisikon-Axenstrasse ĝis Brunnen. De tie reveturo fervoje per la Gotthardfervojo al Luzern. Vespermanĝo kaj loĝado en Luzern.

14 aŭgusto: Matenmanĝo en Luzern. Al la stacidomo. Forveturo el Luzern al Zürich. Alveno en Zürich kaj veturo al la hotelo. Tagmanĝo. Rigardado de Zürich. Vespermanĝo kaj loĝado en Zürich.

15 aŭgusto: Matenmanĝo en Zürich. Laŭplaĉa vagado en la urbo kun gvidanto. Tagmanĝo.

La kostoj de tiu postkongresa karavano ĝis Zürich inkl. ĉiuj elspezoj por trinkmono ktp. kaj la veturprezo en la 3a klaso fervoje kaj 2a klaso vaporŝipe de Ĝenevo ĝis Zürich estas 222,00 gmk. Veturprezo en la 2a klaso fervoje kaj 1a klaso vaporŝipe estas pli 28,00 gmk.

Ĉiuj gekongresanoj estas kore invitataj al la partopreno. Ne preterlasu tiun okazon!

La postkongresa karavano okazos nur, se estos aliĝintaj minimume 80 personoj.

Lasta tago de la sinanonco resp. aliĝo estas: **5 julio.**

Ŝanĝoj de la programo estas rezervataj.

La definitivaj horoj de la forveturoj kaj alvenoj estos publikigataj ĝustatempe antaŭe, se estos aperintaj la novaj horaroj german- kaj svislanda, validaj dum la somero.

Kongresanoj, kiuj volas partopreni iun karavanan parton, sed ne pagi samtempe la kostojn por loĝado kaj manĝado, povas partopreni kiel kunvojaĝantoj, se ili mendas la biletkajereton pere de la subskribinto.

Ĉiujn leter- kaj monsendaĵojn bonvolu direkti al mia oficeja adreso jena:

Mitteleuropäisches Reisebüro, Max Blankenheim,
Potsdamer Bahnhof, Berlin W 9.

*Max Blankenheim,* ĉefdelegito de UEA
Teritorio Berlin.

---

**Listo de kongresanoj.** — Ĝis fino de februaro aliĝis kaj pagis la kotizon:

51. S-ro Krüger, J., Hamburg, Germ.
52. F-ino Ahnert, Else, Hannover, Germ.
53. „ Spira, Róza, Kraków, Pollando
54. S-ro Helmholz, Potsdam, Germ.
55. S-ino Helmholz, Potsdam, Germ.
56. S-ro D-ro Loth, Emiljan, Pabjanice, Pollando
57. „ Schulte, Franz, Essen, Germ.
58. „ Rieke, Hermann, Berlin, Germ.
59. S-ino Rieke, Anna, Berlin, Germ.
60. S-ro Beran, Franz, Praha, Ĉeĥoslovakio

61. F-ino Barŝova, Adela, Praha-Vinohrady, Ĉeĥoslovakio
62. „ Chocholková, Hedva, Praha-Vinohrady, Ĉeĥoslovakio
63. „ Crisinel, Jeanne, Chaux-de-Fonds, Svislando
64. S-ino Montandon-Vaucher, A., Chaux-de-Fonds, Svislando
65. S-ro Courtinat, Léon, Clermont-Ferrand, Franclando
66. F-ino Morgan, Dorothy H., Manchester, Britlando
67. „ Bolt, Ada, Chorlton cum Hardy, Manchester, Britlando
68. S-ro de Plançon, G., Cevins, Savoie, Franclando
69. „ S-ro Dalmau, Delfi, Barcelona, Katalun. Hispanujo
70. F-ino Székely-Böŝke, Elinjo, Budapest VII, Hungarujo
71. „ Strasser, Anjo, Budapest VII, Hungarujo
72. S-ro D-ro Spielmann, Ed., Bern, Svislando
73. „ Wessel, Maarten J., Rotterdam, Nederlando
74. S-ino Wessel, Fred. W., Rotterdam, Nederlando
75. S-ro Zijlstra Dirk, Rotterdam, Nederlando
76. S-ro Roberts, Henry E., Accrington, Britlando
77. S-ino Roberts, Phyllis, Accrington, Britlando
78. „ Meylan-Maivet, Le Locle, Svislando
79. S-ro D-ro Lindt, Richard, Zittau i. Sa., Germ.
80. „ Scheurer, Ernst, Lyss. Svislando
81. F-ino Lüthi, Grete, Zürich, Svislando
82. S-ro Emil Nicolau, Ploeŝti, Rumanujo
83. S-ino Emil, Ploeŝti, Rumanujo
84. S-ro Houghton, Clement M., Abadan, Sud-Persujo
85. S-ro Callagan, Henry R., Hobrooke, Bromborough, Cheshire, Britlando
86. F-ino Armstrong, Beatrice M., Liverpool, Britlando
87. S-ro Bredall, J., Croydon, Britlando
88. „ Dawtrey, H., London, Britlando
89. „ Kropp, John, Hamburg-Altrahlstedt, Germ.
90. S-ino Kropp, Dora, Hamburg-Altrahlstedt, Germ.
91. S-ro Hein, Adolf, Hannover, Germ.
92. „ D-ro Wullen. F., Bochum, Germ.
93. S-ino Neuberg, Julia, Kraków. Pollando
94. „ Schiffowa, Róza. Kraków, Pollando
95. S-ro D-ro Müller, Zygmunt, Kraków, Pollando
96. „ Indra, Frederiko, Bistran-Poliĉka, Ĉeĥoslovakio
97. „ Applebaum, J. D. A., Liverpool, Britlando
98. S-ino Applebaum, Clara, Liverpool, Britlando
99. E-ino Applebaum, Rita, Liverpool, Britlando
100. S-ro Applebaum, Erik, Liverpool, Anglio
101. S-ro Butin, Max, Godesberg s. R., Germ.
102. S-ino Butin, Maria, Godesberg „ „
103. S-ro Szwarc, Henryk, Lublin, Pollando
104. „ Schmalzl, Joseph, Weiden, Bavario, Germ.
105. S-ino „ Josefina, „ „ „
106. F-ino Steininger, Josefine, Neustadt-Waldnaab, Bav., Germ.
107. S-ro Epstein, Felix, Hamburg, Germ.
108. S-ino „ Emma, „ „
109. S-ro Tarnow, P., Galkhausen b. Langenfeld, Rhld., Germ.
110. „ Kendrick, E. M., E. Molezey, Surrey, Britl.
111. „ Rippel, Hch., Würzburg, Germ.
112. „ Balaŝ, Ioan, Ploesti, Rumanujo
113. „ Sandrock, Otto, Essen/Ruhr, Germ.
114. F-ino Haefelinger, Elsa, La Chaux-de-Fonds, Svislando
115. S-ro Mattern, Charles, Le Locle, Svislando
116. F-ino „ Emma, „ „
117. S-ro Wagenbreth, Erich, Herne i. Westf., Germ.
118. „ Dawin, Albert „ „ „
119. „ Blume, Otto, Magdeburg, Germ.
120. S-ino „ K. „ „
121. F-ino Everts, Martha, Essen/Ruhr, Germ.
122. F-ino Meyer, Edith, La Chaux-de-Fonds, Svislando
123. S-ro Kotov, Ivan, Rusĉuk, Bulgarujo
124. F-ino Todorova, Maria, Rusĉuk, Bulgarujo
125. S-ro Novjlan, Fran, Zagreb, Sudslavio
126. „ Schafroth, Max F., Burgdorf, Svislando
127. „ Ali-Akber-Ehm, Zittau i. Sa., Germ.
128. „ S-ro Cocks, William H., Colne, Lanc., Britlando
129. „ Poncet, Louis, Lyon, Franclando
130. „ Facchi, Gaetano, Brescia, Italujo
131. F-ino Pauli, Hedwig, Michelstadt i. Odw., Germ.
132. S-ro Neuwirth, Adolf, Bregenz, Voralberg, Aŭstrio
133. „ Krämer, Carl, Saarbrücken, Germ.
134. „ Schwartzkopf, Eduard, Meiningen i. Thür., Germ.
135. „ Zentgraf, Alfred, Meiningen i. Thür., Germ.
136. „ Booch, Walter, Dresden-N., Germ.
137. S-ino Booch, Cläre, Dresden-N., Germ.
138. S-ro Satchell, Chas. H. H., London, Britlando
139. F-ino Haas, Elly, Ĉeska Teŝin, Ĉeĥoslovakio
140. S-ro Rotter-Waschmann, Bertie, Jägerndorf, Ĉeĥoslovakio
141. S-ro Ŝimánek, František, Saint-Auban, Franclando
142. S-ro Aznar, Sasanova D., Cuevas de Vera, Hispanujo
143. S-ro König, Lajos, Miskolc, Hungarujo
144. S-ino König, Anna, Miskolc, Hungarujo
145. S-ro Gebeth, G., Plauen, Germ.
146. S-ino Gebeth, Plauen, Germ.
147. „ Mammen, Magda, Grenaa, Danlando
148. S-ro Schrank, Walther, Kempten i. Allg., Germ.
149. „ Ellersiek, Friedrich, Berlin, Germ.
150. S-ino Ellersiek, Lucie, Berlin, Germ.

**Resumo.** — Ĝis fino de februaro do aliĝis entute 150 personoj el 17 landoj, t. e. el:

| | |
|---|---|
| Aŭstrio | 2 |
| Britlando | 20 |
| Bulgarujo | 2 |
| Ĉeĥoslovakio | 10 |
| Danlando | 3 |
| Franclando | 10 |
| Germanlando | 59 |
| Hungarujo | 4 |
| Hispanujo | 2 |
| Italujo | 1 |
| Latvio | 1 |
| Nederlando | 12 |
| Polujo | 6 |
| Persujo | 1 |
| Rumanujo | 3 |
| Svislando | 13 |
| Sudslavio | 1 |

---

## Prezaltigo de turistaj biletoj.

La disponebla nombro de turistaj biletoj de Meza klaso [verda] je 140 sv. fr. elĉerpiĝis. Ni povis enskribi nur ankoraŭ tiujn mendintojn, kiuj aliĝis kaj pagis kotizon ĝis la 20 marto. Post tiu dato ni devis altigi la prezon.

**Meza (verda) turista bileto nun kostas 150 sv. fr.**

Ĉar ankaŭ la nombro de tiuj plialtigitaj biletoj estas tre limigita, ni tre rekomendas al kongres-vizitontoj tuj mendi siajn biletojn. Post pasko la prezo ankoraŭ plialtiĝos.

---

*Pagante vian kotizon al la kongreso ne forgesu aldoni subtenon da kelkaj frankoj por la deficito de l' kongreso de Wien laŭ la propono klarigita en „Esperanto", paĝo 43 (7), marta numero.*

# SVISLANDO

**La rendevuejo de l' turistoj de la tuta mondo**

**En vintro:**
neĝodeklivoj taŭgaj por la skiekzercado, bone aranĝitaj glitkurejoj, komfortaj hoteloj.

**En printempo kaj aŭtuno:**
admirindaj banurboj kaj kuraclokoj por eksterlandanoj apud la bordoj de la lagoj de Genève, Thun, Luzern, Zürich, Lugano kaj Locarno.

**En somero:**
kuraclokoj sur la altalparo, belegaj ekskursoj kaj ĉiuspeca somersporto.



*Somero en Svislando.*

**La paradizo de l'sporto de somero kaj vintro**

Por ĉiuj informoj
koncerne al
vojaĝoj, ekskursoj,
klimato-kuraclokoj,
banejoj kaj sanatorioj,
somer- kaj vintro-sporto,
kondiĉoj de restado,
artistaj aranĝoj,
oficialaj lernejoj kaj
privat-institutoj de edukado
ktp.
turnu vin al:

**Office Suisse du Tourisme Zürich aŭ Lausanne kaj al ĉiuj turist-oficejoj.**

# SVISLANDO.  Poŝtaŭtomobila veturado en la belega Alporegionaro.

Regulaj kursoj kaj ekstra veturado per la tute moderna, nekovrita Poŝtaŭtomobilo sur la plej pitoreskaj, arte konstruitaj Alpoŝoseoj, kiel ekzemple trans la famaj

„Granda Sankta Bernardo" (transpasejo 2472 m s. maro)
„Simplono" (2010 m)
„Grimsel" (2182 m)
„Furka" (2431 m)
„Gotthardo" (2095 m)
„Oberalp" (2043 m)
„Lukomanjo" (1917 m)
„San Bernardino" (2063 m)



*Julier-ŝoseo tra la Julier-transirejo (2287 m).*

„Julier" (2287 m)
„Maloja" (Engadino) (1817 m)
„Fuorno" (2155 m)
„Lenzerheide" (1476 m)
al
„Flims" (1102 m)
kaj trans la
„Klaŭsen" (1952 m)
k. a.

**Ĉiam en plej pura saniga aero kun multaj vidindaĵoj, riĉegaj alpopanoramoj.**

**Granda komforto! ☛ Ĉiu veturilo kun pneŭmatikoj kaj motorbremsoj. ☛ Plena sendanĝereco!**

La broŝuro *„Svislando kun poŝtaŭtomobila servado sur la Alpostratoj"* estas elĉerpita, bonvolu informi vin ĉe la agentoj de la Svisfederalaj Fervojoj, la Centra Turisma Oficejo, Zürich aŭ Lausanne, la Vojaĝoficejoj kaj ĉe iu Svisa Poŝtoficejo.

Paul Göring, Magdeburg-N.




# KONGRESA BULTENO

de la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 2-7 Aŭg. 1925

Nº 5 Aldono al „ESPERANTO" Aprilo 1925

ELDONATA DE LA LOKA ORGANIZA KOMITATO, 12 BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE (SVISLANDO)

## Kio okazos en Genève.

Krom nia someruniversitato kaj nia kongreso okazos ankoraŭ multaj diversaj aliaĵoj en Ĝenevo dum la monatoj julio, aŭgusto, kaj septembro. Povas esti, ke multaj el niaj kongresanoj volos profiti la vojaĝon por partopreni ekzemple la somer-kursojn de la Ĝeneva Universitato por pliperfektigo en la franca lingvo, aŭ tiujn de la Internacia Unio por Helpo al Infanoj pri sociaj kaj higienaj problemoj rilataj al la etuloj. Tial ni enpresas en tiu ĉi numero la plenan kalendaron de la diversaj okazontaĵoj.

Ĉiuj esperantistoj konas la noblan iniciaton de S-roj Otlet kaj Lafontaine en Bruxelles, kie ili komencis funkciigi someran „mond-universitaton".

Eĉ sen la nomo, la mond-universitato iom realiĝos tiun ĉi someron en Genève kaj jam la diverslandaj partoprenontoj de la sinsekvaj kursoj kaj kongresoj mendas siajn ĉambrojn en hoteloj kaj pensionoj. Tial la esperantistoj ne malfruiĝu por enskribo. La verdaj turistaj biletoj preskaŭ elĉerpiĝis, sed ruĝaj kaj flavaj restas ankoraŭ sufiĉanombre.

## La Somer-okazoj en Genève.

Julio — septembro: Somer-kursoj de la universitato de Genève, Francaj lingvo, literaturo, Sciencoj, Internaciaj problemoj (franclingve).

17—21. 7.: Federacia Festo de Gimnastikistoj.

31. 6.—7. 8.: Somer-universitato en Esperanto kaj XVII. Universala Kongreso.

4—12. 8.: Jarkunveno de la Studenta Interhelpo.

8—15. 8.: Instituto de Internaciaj Rilatoj de Genève, (Unio por la Ligo de Nacioj kaj Asocio de Ne-Partianoj) angle.

10—22. 8.: Internacia Unio por Helpo al Infanoj (somer-kursoj angle kaj france).

24—28. 8.: Internacia Kongreso pri Infanaro.

10—22. 8.: Instituto J. J. Rousseau, Lernejo de pedagogiaj sciencoj, Somer-kursoj (france). Internacia Universitata Federacio por la Ligo de Nacioj.

1. 9.—4. 9.: 2. Jarkunveno.

8. 9.: Enkonduka kurso al la laboroj de L. d. N.

11. 9.: Grandaj paroladoj de delegitoj de la L. d. N.

7. 9.—10. 10.: 6. Kunsidoj de la Ligo de Nacioj

Por plena detala programo aŭ apartaj programoj sin turni al la Ĝeneva Turisma Oficejo: *Association des Intérêts de Genève*, Place des Bergues, 3, Genève.

## La programo de la Somera Universitato en Esperanto.

La preparoj por la diversaj fakoj daŭradas ankoraŭ. Hodiaŭ ni povas jam sciigi la definitivan programon de la

### Fako Psikologio kaj pedagogio.

☆

S-ro D-ro *Ch. Baudouin*, privatdocento ĉe la universitato de Genève; Profesoro de la Instituto J. J. Rousseau:

**Psikagogio, arto de la memdisciplino**

1. moralaj teknikoj
2. psikoterapio

☆

S-ro D-ro *P. Bovet*, profesoro ĉe la universitato de Genève, direktoro de la instituto J. J. Rousseau:

**Psikologio kaj morala edukado**

1. La instinktoj de la infanoj.
2. Ilia morala utiligo

☆

S-ro D-ro *J. C. Flügel*, profesoro ĉe la fakultato de Filozofio kaj Psikologio de la Universitato de London:

**Psiko-analizo kaj edukado**

1. La psiko-analizo kiel metodo kaj teorio.
2. La evoluado de l' homa menso laŭ psiko-analiza vidpunkto.
3. Edukaj kaj sociaj aplikoj de la psiko-analizo.

☆

La tagojn kaj horojn ni sciigos ankoraŭ poste. En kontakto kun la prelegoj okazos ĉiutage grupaj vizitoj al lernejoj kaj sciencaj centroj en Genève sub gvidado de instruistoj kaj scienculoj. Kiel ĉefajn ni citas la laboratorion pri eksperimenta psikologio, instituton J. J. Rousseau, lernejan muzeon, la „Domon de Etuloj", la liberaeran lernejon ktp.

☆

**Ĉar la nombro de partoprenantoj en tiu fako estos kompreneble tre limigita, ĉiuj kiuj deziras sekvi tiujn kursojn aŭ tiujn vizitojn nepre sendu sian enskribon al nia Oficejo kiel eble plej frue, eĉ la mendintoj de turistaj biletoj. Por la ceteraj kongresanoj la enskribo kostos 5 sv. fr.**

## Reguloj por transporto de societoj.

*Kolektivaj biletoj* por societoj karavanestroj ĝenerale devas mendi *per speciala mendilo* aŭ, se tio ne estas disponebla, *letere aŭ telegrafe* en la stacio kie komencos la perfervoja vojaĝo; en ĉi tiu stacio estas akceptata la kolektiva bileto. *Mendiloj* estas senpage riceveblaj en la stacioj.

La mendo estu farata tiel frue ke la ĉefaj stacioj ilin ricevos *almenaŭ 2 horojn*, la aliaj *12 horojn* antaŭ la forveturo de la trajno uzota.

Al ĉiu societo, kies partoprenantoj eĉ uzus diversajn klasojn, estas transdonata nur *unu* bileto (kolektiva bileto). Al ĉiu partoprenanto, *escepte la posedanto de la kolektiva bileto*, tamen estas enmanigata kontrolmarko por la klaso uzota. Ĝi nur validas por la trajno en kiu troviĝas la posedanto de la kolektiva bileto; bileto prezentata *unuope* do senvalidiĝas.

La kolektivaj biletoj validas por ĉiu laŭorda trajno kun rilataj klasoj, *supoze ke la horaroj ne mencias certajn trajnojn kiujn oni ne povas uzi.*

Por rapidtrajno, kiu en oficiala horaro estas per linio punktata maldekstre de la horoj kiel krompagdeva, la laŭtarifa krompago estas enkasigata.

| Tarifkilometroj | Linioj de — al | | Ordinaraj prezoj | | Prezoj por Societoj | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | Klaso II-a | Klaso III-a | 12 — 60 personoj | | 61 — 120 personoj | | 121 — 180 personoj | | pli ol 180 personoj | |
| | | | | | Klaso II-a | Klaso III-a | Klaso II-a | Klaso III-a | Klaso II-a | Klaso III-a | Klaso II-a | Klaso III-a |
| | | | Fr. Ct. | Fr. Ct. | Fr. Ct. | Fr. Ct. | Fr. Ct. | Fr. Ct. | Fr. Ct. | Fr. Ct. | Fr. Ct. | Fr. Ct. |
| 264 | Basel — Olten — Bern — Genève | S | 23,95 | 17,10 | 18,40 | 13.05 | 17,10 | 12,— | 15,75 | 10,90 | 14,95 | 9,85 |
| | | D | 38,30 | 27,40 | 33,— | 23,30 | 30,60 | 21,45 | 28 25 | 19,65 | 25.85 | 17,80 |
| | + krompago por rapidvagonaro | S | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2.— |
| | | D | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— |
| 394 | Buchs — Sargans — Zürich — Olten — Bern — Genève | S | 33,10 | 23,65 | 26,60 | 18,75 | 24,60 | 17,20 | 22,65 | 15,60 | 20,70 | 14,— |
| | | D | 52,80 | 37,85 | 47,70 | 33,60 | 44,15 | 30,85 | 40,60 | 28,10 | 37,05 | 25,30 |
| | + krompago por rapidvagonaro | S | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— |
| | | D | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— |
| 397 | St. Margrethen — Romanshorn aŭ St. Gallen-Zürich-Olten-Bern-Genève | S | 33,35 | 23,85 | 26,80 | 18,90 | 24,80 | 17,30 | 22,80 | 15,70 | 20,80 | 14,10 |
| | | D | 53,20 | 38,15 | 48,05 | 33,85 | 44,45 | 31,05 | 40,90 | 28,25 | 37,30 | 25,50 |
| | + krompago por rapidvagonaro | S | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— |
| | | D | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— |
| 370 | Romanshorn — Frauenfeld — Zürich Olten — Bern — Genève | S | 31,10 | 22,20 | 25,10 | 17,70 | 23,25 | 16,20 | 21,40 | 14,75 | 19,55 | 13,25 |
| | | D | 49,60 | 35.55 | 45,— | 31,70 | 41,65 | 29,10 | 38,30 | 26,50 | 35,— | 23,95 |
| | + krompago por rapidvagonaro | S | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— |
| | | D | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— |
| 335 | Schaffhausen — Eglisau — Zürich Olten — Bern — Genève | S | 28,15 | 20,10 | 22,85 | 16,15 | 21,20 | 14,80 | 19,50 | 13,50 | 17,85 | 12,15 |
| | | D | 44,90 | 32,20 | 41,— | 28,95 | 38,— | 26,60 | 35,— | 24,25 | 32,— | 21,90 |
| | + krompago por rapidvagonaro | S | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— |
| | | D | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6.— | 4,— | 6,— | 4,— |
| 250 | Iselle — Lausanne — Genève | S | 23,45 | 16,75 | 17,50 | 12,40 | 16,25 | 11,40 | 15,— | 10,40 | 13,75 | 9,40 |
| | | D | 37,55 | 26,80 | 31,40 | 22.20 | 29,15 | 20,45 | 26,90 | 18,70 | 24,65 | 16,95 |
| | + krompago por rapidvagonaro | S | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— |
| | | D | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— | 6,— | 4,— |
| 362 | Iselle — Berne Lausanne — Genève | S | 38,05 § | 27,15 § | 24,55 | 17,35 | 22,75 | 15,90 | 20,95 | 14,45 | 19,15 | 13,— |
| | + krompago por rapidvagonaro | S | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— | 3,— | 2,— |

S = simpla veturo; D = duobla veturo; § Rektaj biletoj ne ekzistas.

La mendo informu pri la nomo de la unuiĝo aŭ societo (se la societo ne havas propran nomon, estos enskribata, en la rubriko destinata por la societa nomo, la nomo de la mendanto), la fervojaj linioj traveturotaj, la nombro de la partoprenantoj, apartigata por ĉiu klaso (infanoj devas esti menciataj aparte), la vojaĝtago, la trajno per kiu oni deziras komenci la vojaĝon kaj vojaĝdaŭro.

La *karavanestro priresponda* (mendanto de la kolektiva bileto) *garantias* pri preciza realigo de la fervojaj ordonoj. Li tute speciale priatentu ke la partoprenantoj senescepte eniru vagonojn aŭ okupu seĝojn destinajn por ili. Plie, li estas devigata helpi la trajnopersonaron denombri la partoprenantojn. Fine, li garantias pri la *tuta* taksosumo de la kolektiva bileto kaj eventualaj diferencoj kiuj povus rezulti pro erara prezkalkulo de la kolektiva bileto.

## Nia afiŝo.

Ni ankoraŭ disponas je kelkmiloj de la bela afiŝeto pri somer-universitato. Oni povas ĝin venigi de nia Oficejo por pendigi en utilaj lokoj kiel bona kaj digna propagandilo.

## Artikoloj pri somer-universitato.

Tiuj artikoloj aperis en centoj da ĉiulingvaj gazetoj dank' al afabla prizorgo de UEA-delegitoj. Ili ricevu tie ĉi tre koran dankon pro tio kaj pro la sendo de eltranĉaĵoj al ni.

## Listo de kongresanoj.



151. S-ro Michalek, Fritz, Reichenberg, Ĉeĥoslovakio
152. S-ino Kabst, Magdalena, Oranienburg i. Pr., Germ.
153. S-ro D-ro Blassberg, Maksimiljan, Kraków, Pollando
154. S-ro Blažek, Josef, Olomouc, Ĉeĥoslovakio
155. S-ro Hiller, Karl, Bamberg, Germ.
156. S-ro Cremer, Wilhelm, Benrath (Rhld.), Germ.
157. S-ro Westphal, Max, Stettin, Germ.
158. F-ino Müller, Martha, Auerbach i. V., Germ.
159. S-ro Donker, H. S., Amsterdam, Nederlando
160. S-ino Donker, A. D. M. „ „
161. S-ro Dufrenne, J. B. B. „ „
162. S-ro Wiedijk, F. „ „
163. F-ino de Haan, L. C., „ „
164. F-ino Riezouw, B. „ „
165. F-ino Meijns, H. „ „
166. F-ino Koekebakker, H. B. M.„ „
167. S-ro von Lidl, Rudolf, Steyr, Aŭstrio
168. S-ino Pirchan, Paula, Waidhofen a. d. Th., Aŭstrio
169. S-ro D-ro Wehrheim, Hermann, Hildesheim, Germ.
170. S-ino Ireland, Elizabeth, Hove (Suss.), Britl.
171. S-ro Štalcer, Ivan, Osijek, Sudslavio
172. F-ino Schmied, Luise, Praha-Smichov, Ĉeĥoslovakio
173. F-ino Schmied, Maria „ „ „
174. S-ro Tichawski, Joh., Katowice, Pollando
175. F-ino Doering, Johanna, Berlin-Tegel, Germ.
176. F-ino Witte, Lotte, Herford i. W., Germ.
177. F-ino Weems, Elizabeth W., Baltimore, Usono
178. F-ino Jörgensen, Edith, Grenaa, Dan.
179. F-ino Johannessen, Anna, Grenaa, Dan.
180. S-ro Scheidt, Oskar, Bad Kreuznach, Germ.
181. S-ro Parrish, D. E., Buffalo, N. Y., Usono
182. S-ro D-ro Trögel, Robert, Auerbach i. V., Germ.
183. S-ro Pittner, František, Přerov, Ĉeĥoslovakio
184. S-ino Žundálkova, Laura, Přerov, Ĉeĥoslovakio
185. S-ino Vaníčková, H., Přerov, „
186. S-ro D-ro Domac, Zagreb, Sudslavio
187. F-ino Wild, Maria, Luise, Lyss, Svisl.
188. F-ino Simon, Toni, Magdeburg, Germ.
189. F-ino Hofmann, Ilse, Magdeburg, Germ.
190. S-ro Couto Fernandez, Alberto, Rio de Janeiro, Brazilio
191. S-ro Saalfeld jun., Herm., Magdeburg, Germ.
192. F-ino Ahlborn, Elly, Magdeburg, Germ.
193. S-ro Kozminski, Stanley, K., Cleveland (Ohio) Usono
194. F-ino Jacot, Marguerite, St. Imier, Svisl.
195. S-ro D-ro Ulman, Fr., Praha Ĉeĥoslovakio
196. F-ino Jones, Emily, A., Kingston-on-Thames, Britlando
197. S-ro Cenijn, Henrik, W., G., Laren, N. H., Nederlando
198. S-ino Cenijn-Smit, Sophia, G., Laren N. H., Nederlando.
199. S-ro Buchanan, John, London, Britlando
200. S-ro D-ro Hoffmann, Žilina, Ĉeĥoslovakio.



## ADMINISTRA INFORMILO.

**Adreso:** XVII. Kongreso de Esperanto, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

**Kotizo:** 25 Fr. sv. po persono: samtempaj anoj de nacia societo kaj UEA 20 Fr. sv.; Junuloj (UEA kaj naciaj societoj) 15 Fr. svisa valoro.

**Turista bileto de UEA,** entenanta la kongreskotizon, biletojn por somera universitato, teatro, balo, ŝipekskurso, unusemajna loĝado kaj manĝado, kun ĉiuj trinkmonoj:

*Simpla:* 110 Fr., *Meza:* 150 Fr., *Unuaranga:* 200 Fr., *Luksa:* 300 Fr.
(ruĝa) (verda) (flava) (blanka)

Tiuj prezoj ne entenas la vojaĝkoston. — Repago okaze de neĉeesto malpli 20 Fr. kongreskotizo.

Ĉar la nombro de la turistaj biletoj estas limigita pro hotelaj kaj teatraj aranĝoj, oni mendu ilin tuj. La mendlisto estos fermita tre baldaŭ!



**Pagmaniero:** Laŭ interkonsento kun UEA ĝiaj poŝtĉekkontoj diverslandaj kun adreso de UEA povas esti uzataj.

| | |
|---|---|
| *Aŭstria:* | Konto 105.439 Postsparkassenamt Wien. |
| *Ĉeĥa:* | Poŝtĉekkonto 79236, Praha. |
| *Germana:* | Poŝtĉekkonto 90850, Frankfurt am Main. |
| *Svisa:* | Cpte Chèques Postaux, Genève I. 2310. |
| *Pola:* | Konto: 190.576, Warszawa. |

Plie estas akceptataj ĉiu fremda mono, en banko ŝanĝebla, ĉekoj, ĝiritaj al *XVII. Kongreso de Esperanto, Genève*, ktp.



### Provizora programo:

| | | |
|---|---|---|
| *Sabaton,* | *1 Aŭgusto:* | Komenco de la Somera Universitato |
| *Dimanĉon,* | *2* „ | Diservoj, Ĝardenfesto, Renkontiĝo |
| *Lundon,* | *3* „ | Prelegoj, Vespere: solena malfermo de la Deksepa |
| *Mardon,* | *4* „ | Laborkunsido, Ŝipekskurso sur Genèva Lago |
| *Merkredon,* | *5* „ | Prelegoj, Vespere: Teatro |
| *Jaŭdon,* | *6* „ | Prelegoj, Vespere: Balo |
| *Vendredon,* | *7* „ | Fermo de la kongreso, Fino de la kurso |
| *Sabaton,* | *8* „ | Ekskursoj al svisa montaro. |



# SVISLANDO

**La rendevuejo de l' turistoj de la tuta mondo**

**En vintro:** neĝodeklivoj taŭgaj por la skiekzercado, bone aranĝitaj glitkurejoj, komfortaj hoteloj.

**En printempo kaj aŭtuno:** admirindaj banurboj kaj kuraclokoj por eksterlandanoj apud la bordoj de la lagoj de Genève, Thun, Luzern, Zürich, Lugano kaj Locarno.

**En somero:** kuraclokoj sur la altalparo, belegaj ekskursoj kaj ĉiuspeca somersporto.



*Somero en Svislando.*

**La paradizo de l'sporto de somero kaj vintro**

Por ĉiuj informoj koncerne al vojaĝoj, ekskursoj, klimato-kuraclokoj, banejoj kaj sanatorioj, somer- kaj vintro-sporto, kondiĉoj de restado, artistaj aranĝoj, oficialaj lernejoj kaj privat-institutoj de edukado ktp. turnu vin al:

**Office Suisse du Tourisme Zürich aŭ Lausanne kaj al ĉiuj turist-oficejoj.**

# SVISLANDO.

**Poŝtaŭtomobila veturado en la belega Alporegionaro.**

Regulaj kursoj kaj ekstra veturado per la tute moderna, nekovrita Poŝtaŭtomobilo sur la plej pitoreskaj, arte konstruitaj Alpoŝoseoj, kiel ekzemple trans la famaj

„Granda Sankta Bernardo" (transpasejo 2472 m s. maro)
„Simplono" (2010 m)
„Grimsel" (2182 m)
„Furka" (2431 m)
„Gotthardo" (2095 m)
„Oberalp" (2043 m)
„Lukomanjo" (1917 m)
„San Bernardino" (2063 m)



*Julier-ŝoseo tra la Julier-transirejo (2287 m).*

„Julier" (2287 m)
„Maloja" (Engadino) (1817 m)
„Fuorno" (2155 m)
„Lenzerheide" (1476 m)
al
„Flims" (1102 m)
kaj trans la
„Klaŭsen" (1952 m)
k. a.

**Ĉiam en plej pura saniga aero kun multaj vidindaĵoj, riĉegaj alpopanoramoj.**

**Granda komforto! Ĉiu veturilo kun pneŭmatikoj kaj motorbremsoj. Plena sendanĝereco!**

La broŝuro *„Svislando kun poŝtaŭtomobila servado sur la Alpostratoj"* estas elĉerpita, bonvolu informi vin ĉe la agentoj de la Svisfederalaj Fervojoj, la Centra Turisma Oficejo, Zürich aŭ Lausanne, la Vojaĝoficejoj kaj ĉe iu Svisa Poŝtoficejo.

Esperanto-Presejo Magdeburg-N




# KONGRESA BULTENO

de la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 2-7 Aŭg. 1925

No 6 Aldono al „ESPERANTO“ Majo 1925

ELDONATA DE LA LOKA ORGANIZA KOMITATO, 12 BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE (SVISLANDO)

## Mendi nun aŭ loĝi sub steloj?

Ni jam diris, ke, dum aŭgusto, Genève estas plenplena de turistoj kaj oni devas mendi sian loĝejon almenaŭ du monatojn antaŭe, se oni deziras loĝejon. Alimaniere oni riskas efektive loĝi sub la steloj aŭ almenaŭ esti devigata pagi la plej multkostajn ĉambrojn en luksa hotelo, ĉar pensionoj aŭ malpli karaj hoteloj estas jam ĉiuj antaŭe plenigitaj pro mendoj.

La plej simpla maniero estas mendi **turistan bileton de UEA.** Jam la mezaj (verdaj) estas elĉerpitaj, sed restas la ruĝaj kaj la flavaj. La turistaj biletoj havigas krom la kongreskarto, biletojn por teatro, universitato, balo, ŝipekskurso ktp., ankaŭ la plenan loĝadon, manĝadon kaj trinkmonojn en pensiono (120 fr.) aŭ bonega hotelo (200 fr.) dum sep tagoj.

Verdaj biletoj jam flugis tute for, ĉar ĉiuj hotelpensionoj estas nun jam rezervitaj. Restas la ordinaraj pensionoj, neluksaj, sed tute bonaj. Neniu timu preni ruĝan bileton. Li ne ricevos fluantan akvon, sed puran ĉambron kaj bonan manĝadon kiel ĉiuj partoprenantoj de la Ĝenevaj universitataj somerkursoj. **Restas ankoraŭ nur 250 ruĝaj biletoj disponeblaj. Ili estos tre baldaŭ ankaŭ elĉerpitaj.**

La flavaj biletoj garantias komfortan loĝadon en bonega hotelo apud la lago kun manĝado unuagrada. **Restas ankoraŭ nur 300 flavaj biletoj disponeblaj. Ili estos ankaŭ tre rapide elĉerpitaj.**

Urĝu do se vi volas vivi senzorge en Ĝenevo, kie restoracioj iom mankas en la urbo!

---

## La Balo kun landaj kostumoj.

Multaj petis, ke oni reprenu la kutimon de la granda solena balo kun naciaj aŭ landaj kostumoj. Ni ĝin volonte faros kaj rekomendas speciale al ĉiuj sinjorinoj kaj fraŭlinoj, ke ili enmetu la landan aŭ nacian aŭ vilaĝan tipan robon en sian valizon antaŭ la forvojaĝo. Tio ĝojigos ĉiujn vidantojn kaj eble ankaŭ ilin mem. Do kunprenu la kostumon, la veran.

---

## Teatra prezento de „Ginevra“.

Nia konata poeto kaj talenta aktoro Julio Baghy intencas veni Ĝenevon kun profesiaj gekolegoj por akti en la granda urba operteatro la lirikan dramon de Edmond Privat „Ginevra“, originale verkitan en Esperanto en 1913.

Ĝi temas pri antikva legendo kelta de la epoko de la Ronda Tablo, fondita de Reĝo Arturo. La amo de la Reĝino Ginevra kun kavaliro Lancelot estas preskaŭ tiel fama kiel tiu de Tristan kun Isolde. La tekston vendas la firmo Ellersiek & Borel en Berlin.

---

## La Somera Universitato.

Ni jam donis la programon de la fako pri psikologio en nia lasta numero. Hodiaŭ ni povas doni kelkajn informojn pri la ceteraj fakoj.

### Fako pri lingvoscienco.

Tiu fako ĉefe celas prepari kandidatojn al ekzamenoj. Ĝin organizas la Internacia Instituto de Esperanto sub gvidado de D-ro Dietterle kaj en ĝi instruados S-ro Andreo Ĉe, Vilho Setälä kaj S-ro Petro Stojan pri historio, sintakso kaj lernigado de Esperanto. La prelegoj okazos en la Virina Lernejo de Sociaj Studoj, direktata de F-ino D-rino Beck. *Ĉar la nombro da sidlokoj estas devige limigata, la partoprenontoj nepre enskribu sin tuj per poŝtkarto al nia oficejo por ricevi numeron. Alimaniere ili verŝajne tute ne havos lokon.*

Rajtas sin enskribi ĉiuj mendintoj de turistaj biletoj, ĉiuj kongresanoj aĉetintaj la Universitatan karton (je 5 sv. fr. kaj ĉiuj eksteruloj pagintaj 30 sv. fr.)

* * *

## Fako pri Internacia Organiza Juro.

Tiu fako celas informi pri la ĉefaj nunaj interŝtataj organizaĵoj kaj ilia funkciado.

D-ro Spielmann prelegos pri la Universala Poŝta Unio kaj la Tutmonda Telegrafa Unio.

D-ro Privat prelegos pri la strukturo kaj funkciado de la Ligo de Nacioj. Same okazos pri Internacia Laboroficejo.

* * *

## Fako pri Elektro-Tekniko kaj Radio.

Tiu fako celas montri per filmoj, lumbildoj kaj klarigoj la historion kaj funkciadon de aŭtomata telefonio kaj de radiotelefonio kaj -telegrafio.

Inĝeniero Isbrücker, de la Western Electric Company, ĝin gvidos kaj prelegos mem pri la du temoj.

*Pri rezervo de sidlokoj notu la samon kiel por la Fako pri lingvoscienco.*

---

## Aliĝo kaj kongreskarto.

Al ĉiu aliĝinto, kiu pagis sian kotizon, ni sendas kiel eble plej rapide Provizoran Legitimacion. La kongresa karto kaj la dokumentoj estos transdonataj nur en la akceptejo de l' kongreso kontraŭ redono de la legitimacio.

Pagintoj al poŝtĉekaj kontoj ne povas atendi respondon antaŭ proksimume 12 tagoj, ĉar la pagkuponoj estas sendataj al ni nur en certaj interspacoj.

Ĉiu pago estos nepre konfirmata per karto.

Ni petegas, ke oni uzu ĉiukaze la presitan aliĝilon kaj sendu ĝin aparte al ni. La kopiado de adresoj ktp. forprenas al ni la tempon por pli gravaj laboroj.

* * *

Dum la konferenco de Paris kaj la Pentekostaj kongresoj nia ĝenerala sekretario kaj la financestro estos for de la oficejo. Ni anticipe petas senkulpigon pro eventuala malfruiĝo de respondoj.

---

## Turistaj biletoj.

Per tio ni sciigas, ke la

**Mezaj (Verdaj) biletoj elĉerpiĝis.**

Sekve de tio ni ne plu povas liveri ilin. Tiujn personojn, kiujn ni ankoraŭ notis por tiu kategorio ni informas per nia konfirmo.

Samtempe ni komunikas, ke la

**Simplaj (Ruĝaj) biletoj nun kostas 120 svisajn frankojn.**

Da ili ni havas ankoraŭ konsiderindan nombron kaj ni rekomendas al kongres-vizitontoj tuj mendi ilin. Cetere ni atentigas pri tio, ke tiuj simplaj biletoj certigas tute konvenan loĝejon kaj pensionon kaj ne bezonas esti konsiderataj kiel nesufiĉaj.

---

## Fakkunsidoj dum la Deksepa.

Por akceli la laborojn de fakunuiĝoj ni dediĉos specialan atenton al la aranĝo de fakkunsidoj dum la Deksepa.

Jam nun preparante la detalojn ni petas, ke aranĝontoj de fakkunsidoj informu nin tuj kaj respondu jenajn demandojn:

1. Por kiu fako?
2. Nomo de la fakunuiĝo ktp.
3. Nomo de la respondeca aranĝonto.
4. Antaŭvidebla nombro de partoprenontoj.
5. Nombro de kunsidoj.
6. Provizora programo.
7. Ĉu publika aŭ nepublika kunsido?

Lasta dato de anonco: 30 junio. Ni povas certigi lokigon nur al fakkunsidoj, kiuj anoncis sin antaŭe kaj respondis la cititajn demandojn.

Ni ne dubas, ke ĉiu serioza fakunuiĝo ne mankos informi nin kiel plej eble frue kaj rapide.

---

## Ekskurso al Chamonix (Franclando) kaj Mer de Glace (Mont Blanc).

Dum kaj post la kongreso okazos aŭtomobil-ekskursoj al Chamonix (Franclando) kun vizito de la Mer de Glace tra la pentrinda pejzaĝo ĉirkaŭ la alpa montaro de Mt. Blanc laŭ jena programo:

Forveturo Genève 8,00 h.
Alveno Chamonix 11,00 h.
Lunĉo en Chamonix
Vizito al Mer de Glace
Forveturo Chamonix 16,00 h.
Alveno en Genève 19,00 h.

Prezo de la tuta ekskurso per modernaj aŭtomobiloj inkluzive lunĉo 22 sv. fr. Ni zorgos pri kolektiv-aranĝo por tiuj, kiuj bezonos liman vizon.

La ekskurstagojn ni ankoraŭ sciigos kaj ankaŭ afiŝos dum la kongreso.

Interesatoj jam nun informu nin pri partopreno por orientado.

---

## 2-taga ekskurso tra Svislando post la kongreso.

La renomita vojaĝa kaj transporta agentejo J. Veran, Grauer & Cie., Genève post la kongreso aranĝos 2-tagan ekskurson tra la plej vidindaj pejzaĝoj de Svislando je tre favora prezo laŭ la sekvanta plano:

1-a tago:

Forveturo de Genève (fervoje) . . . . . 8 h.
Alveno en Montreux . . . . . . . . . 11 h.
Lunĉo en Hotelo Suisse
Forveturo de Montreux (elektra fervojo) . . 14 h.
Alveno en Interlaken . . . . . . . . . 19 h.
Tranoktiĝo

2-a tago:

Forveturo al Jungfrau . . . . . . . . . 7 h.
Alveno sur Jungfrau . . . . . . . . . 11 h.
Lunĉo
Forveturo de Jungfrau . . . . . . . . . 14 h.
Alveno en Bern . . . . . . . . . . . 19 h.
Fino de la ekskurso

Tiu dutaga ekskurso trapasigas la partoprenontojn tra la plej ŝatataj ekskursejoj de nia lando. La forveturo per fervojo ebligas belegan perspektivon al la lago Lemano kaj la apudlaga

alpa montaro svisa kaj franca. De Montreux, unu el la plej frekventataj banlokoj de Svislando la elektra fervojo kondukas la vojaĝantojn tra la nepriskribeble bela Simmen-valo (Zweisimmen 1300 m) al Spiez kaj Interlaken en la koron de la alparo. La vojaĝo estas neforgesebla al vojaĝantoj. Ĝi estas unu el la plej belaj en nia lando. La veturado en komfortaj vagonoj estas tre agrabla, refreŝiga, rapida, senfuma kaj interesa.

Ni sciigos ankoraŭ la precizan daton de la ekskurso. Laŭbezone okazos 2 ekskursoj la 8. kaj 9. aŭgusto.

Favorprezo por tiu 2-taga ekskurso inkluzive lunĉo en Montreux, ĉambro kun matenmanĝo en Interlaken, lunĉo en Jungfrau

**nur 100 sv. fr. en II. klaso, 90 sv. fr. en III. klaso.**

Seriozaj interesatoj informu nin jam nun pro orientado pri la partoprenantaro.

## Antaŭ- kaj postkongresa restado de angloj.

Antaŭ- kaj postkongresaj rondvojaĝoj estos aranĝataj por angloj, kiuj venos al Genève kaj por aliaj samideanoj, kiuj volas partopreni.

*Provizora programo:*

| | | |
|---|---|---|
| 6 tagoj en | Interlaken | 26. 7. — 1. 8. |
| 6 tagoj en | Lausanne | 26. 7. — 1. 8. |
| 6 tagoj en | Montreux | 8. — 14. 8. |
| 6 tagoj en | Spiez | 8. — 14. 8. |

De ĉiu indikita loko apartaj ekskursoj estos organizataj al la ĉefvidindaĵoj.

Interesatoj sin turnu al S-ro *J. H. Fitton,* turistagento, Meadow-House, Shepley near Huddersfield, Britlando.

## Renkontado antaŭ kaj post la kongreso en Wiesbaden (Germanio).

Supozante, ke aro da gekongresanoj intencas restadi antaŭ aŭ post la Deksepa kelkajn tagojn en nia belega kaj fama banurbo internacia Wiesbaden (linio de Rejno), la grupo de Wiesbaden petas, ke samideanoj informu nin kiel eble plej frue pri iliaj alveno kaj specialaj deziroj.

Oni skribu tuj al S-ro *Kurt Schönrich,* Emserstrasse 58 Wiesbaden (Germanio).

## Karavana renkonto en Frankfurt a. M. 30 Julio.

Partoprenontoj al la karavano Berlin — Genève — Berlin el aliaj vojaĝdirektoj povas atingi la karavanan vagonaron en Frankfurt a. M., la 30 Julio (23.41 h.) Por aranĝo de agrabla kunveno ĝis forveturo de la vagonaro oni skribu tuj al S-ro *C. Barthel,* vicdel. UEA, Woehlerstrasse 14, Frankfurt a. M.

## Listo de kongresanoj.

201. S-ro Zeidler, Willi, Berlin, Germanl.
202. S-ro Molnár, Jan, Praha-Dejvice, Ĉeĥoslovakio
203. S-ro Flad, Oskar, Frankfurt a. M., Germ.
204 S-ro Beau, Benoît, Mâcon, Francl.
205. S-ro Martin, Auguste, Mâcon, Francl.
206. F-ino Crisinel, Martha, La Chaux-de-Fonds, Svisl.
207. F-ino Matzinger, Ida, „ „ „
208. F-ino Matzinger, Alice, „ „ „
209. F-ino Coralczyk, Maria, Beuthen, O.-S., Germ.
210. S-ro Hein, Robert, Hohenau a. d. Nordb., Aŭstrio
211. S-ro Plütze, Rich., Falkenstein i. V., Germ.
212. S-ro Wedekind, Adolf, Seesen a. Harz, Germ.
213. S-ro Dähne, Stettin, Germ.
214. S-ro Neužil, Albín, Olomouc-Neředin, Ĉeĥosl.
215. F-ino Mehr, Elise, Mannheim-Rheinau, Germ.
216. S-ro D-ro Albert Bruno, Mannheim-Rheinau, Germ.
217. F-ino Schwarz, Elise, Jägerndorf, Ĉeĥoslovakio
218. S-ro Braun, Hans, Altona (Elbe) Bahrenfeld, Germ.
219. F-ino Braun, Margarete, „ „ „ „
220. F-ino Hochsteiner, Frida, Stuttgart, Germ.
221. F-ino Klinger, Auguste, Kaiserslautern, Germ.
222. F-ino Trendel, Maria, Weiherowo-Danzig, Danzig
223. F-ino Marquardt, Kaethe, Danzig
224 F-ino Marquardt, Ilse, „
225. F-ino Sorensen, Ida, M., Port Richmond N. Y., U. S. A.
226. S-ro Degen, Theodor, Rathskirchen (Pfalz) Germ.
227. S-ro Juárez Cano, Jorge, Camaguey, Kubo
228. S-ro Döring, Franz, Freiburg i. Brsg., Germ.
229. S-ino Döring, „ „ „
230. S-ro Hammermeister, Max, Sterkrade (Rhld.) Germ.
231. F-ino Hitzler, Christine, München, Germ.
232. F-ino Lessmann, Hedwig, Elberfeld, Germ.
233. S-ro Westphal, Friedr., Erfurt, Germ.
234. S-ro Eliott, Ralph, Plymouth, Britl.
235. F-ino Eliott, Christina, Plymouth, Britl.
236. S-ro Fitton, James H., Shepley nr. Huddersf., Britl.
237. F-ino Seehann, Auguste, München, Germ.
238. S-ro Generalo Sebert, H., Paris, Francl.
239. S-ro D-ro Bischitzky, Praha, Ĉeĥosl.
240. S-ino Bischitzky, „ „
241. F-ino Drinkwater, Blanche, Clayton-le-Moors, Lanc., Britl.
242. S-ro Parkinson, John, „ „ „
243. S-ro Vogel, Friedr., Stuttgart, Germ.
244. S-ro Mundweil, Franjo, Krapina, Sudslavio
245. F-ino Mundweil, Hildeg., Krapina, Sudslavio.
246. F-ino Riley, Mary, Clifton-cum-Norwood, Britl.
247. S-ro Blaise, Paul, Hanworth, Midd. Britl.
248. S-ino Blaise, L., Marg., „ „ „
249. F-ino Jones, Helen., London S. W. 11., Britl.
250. F-ino Remison, W., London, Britl.

## Ĉu vivo kara en Genève?

Multaj francoj aŭ italoj imagas, ke la vivo estas terure kara en Genève. Estas eraro, speciale se oni prenus turistan bileton de UEA.

Ni pensu je Parizano venonta al la kongreso. Per franca mono li ricevos revenbileton IIIan klasan por 130 fr. fr. aŭ IIan klasan por 195 fr. fr. Li mendas ruĝan turistan bileton per UEA por ĉirkaŭe 440 fr. fr. Entute li elspezos por ĉio apenaŭ 650 fr. fr. kun la vojaĝo. Lyon-ano elspezos nur 500.

Kompreneble li elspezus multe pli, se li loĝus en ĉambro, manĝus en kafejoj kaj disdonus ĉie trinkmonojn. Tial la turista bileto estas por li la plej favora sistemo.

# SVISLANDO

**La rendevuejo de l' turistoj de la tuta mondo**

**En vintro:** neĝodeklivoj taŭgaj por la skiekzercado, bone aranĝitaj glitkurejoj, komfortaj hoteloj.

**En printempo kaj aŭtuno:** admirindaj banurboj kaj kuraclokoj por eksterlandanoj apud la bordoj de la lagoj de Genève, Thun, Luzern, Zürich, Lugano kaj Locarno.

**En somero:** kuraclokoj sur la altalparo, belegaj ekskursoj kaj ĉiuspeca somersporto.



*Somero en Svislando.*

**La paradizo de l'sporto de somero kaj vintro**

Por ĉiuj informoj koncerne al vojaĝoj, ekskursoj, klimato-kuraclokoj, banejoj kaj sanatorioj, somer- kaj vintro-sporto, kondiĉoj de restado, artistaj aranĝoj, oficialaj lernejoj kaj privat-institutoj de edukado ktp. turnu vin al:

**Office Suisse du Tourisme Zürich aŭ Lausanne kaj al ĉiuj turist-oficejoj.**



# SVISLANDO.

**Poŝtaŭtomobila veturado en la belega Alporegionaro.**

Regulaj kursoj kaj ekstra veturado per la tute moderna, nekovrita Poŝtaŭtomobilo sur la plej pitoreskaj, arte konstruitaj Alpoŝoseoj, kiel ekzemple trans la famaj

„Granda Sankta Bernardo" (transpasejo 2472 m s. maro)
„Simplono" (2010 m)
„Grimsel" (2182 m)
„Furka" (2431 m)
„Gotthardo" (2095 m)
„Oberalp" (2043 m)
„Lukomanjo" (1917 m)
„San Bernardino" (2063 m)



*Julier-ŝoseo tra la Julier-transirejo (2287 m).*

„Julier" (2287 m)
„Maloja" (Engadino) (1817 m)
„Fuorno" (2155 m)
„Lenzerheide" (1476 m)
al
„Flims" (1102 m)
kaj trans la
„Klaŭsen" (1952 m)
k. a.

**Ĉiam en plej pura saniga aero kun multaj vidindaĵoj, riĉegaj alpopanoramoj.**

**Granda komforto! Ĉiu veturilo kun pneŭmatikoj kaj motorbremsoj. Plena sendanĝereco!**

La broŝuro *„Svislando kun poŝtaŭtomobila servado sur la Alpostratoj"* estas elĉerpita, bonvolu informi vin ĉe la agentoj de la Svisfederalaj Fervojoj, la Centra Turisma Oficejo, Zürich aŭ Lausanne, la Vojaĝoficejoj kaj ĉe iu Svisa Poŝtoficejo.

Esperanto-Presejo Magdeburg-N.




# KONGRESA BULTENO

de la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 2-7 Aŭg. 1925

No 7 — Aldono al „ESPERANTO" — Junio 1925

ELDONATA DE LA LOKA ORGANIZA KOMITATO, 12 BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE (SVISLANDO)

## Provizora programo.

**Vendredon, 31 Julio:**

*Vespere:* Malfermo de la Somera Esperanto-Universitato en la Ĝeneva Universitato. Prelego de S-ro Won Kenn pri la penso de Konfucio. — Alparoloj de la Rektoro kaj universitataj profesoroj.

**Sabaton, 1 Aŭgusto:**

*Matene:* Kursoj kaj Prelegoj.

*Posttagmeze:* Vizito al la Ligo de Nacioj.

*Vespere:* Interkonatiĝa vespero.

**Dimanĉon, 2 Aŭgusto:**

*Matene:* Diservoj, katolika en Notre-Dame, prediko de Pastro Carolfi; protestanta, prediko de S-ino Margaret Blaise kaj Rud. Horner; hebrea (detaloj sekvos); kunveno de framasonoj.

*Posttagmeze:* Ĝardenfesto koncerta. — Kunsido de K. R.

*Vespere 8.15: Solena malfermo de la kongreso en Viktoria-Hall.*

**Lundon, 3 Aŭgusto:**

*Matene:* Kursoj kaj Prelegoj, Fakoj, Kunsido de C. K., K. R., UEA.

*Posttagmeze: Ekskurso en ŝipo sur la Lago Ĝeneva.*

*Nokte: Balo en naciaj kostumoj.* — La C. K. oficiale akceptos ĉiujn kongresanojn individue ĉe la eniro.

**Mardon, 4 Aŭgusto:**

*Matene:* Kursoj, Prelegoj, Fakoj, Kunsido de K. R. kaj UEA kun C. K.

*Posttagmeze:* Promenado, Fakoj.

*Vespere: Ĝenerala kunsido de la kongreso.* Raportoj de l'Akademio, C. K. kaj UEA.

**Merkredon 5 Aŭgusto:**

*Matene:* Kursoj, Prelegoj, Fakoj, Kunsido de la Komitatoj.

*Posttagmeze:* Ekskursoj. — Fakoj.

*Vespere: Teatra prezento de „Ginevra",* lirika dramo, de D-ro Privat originale verkita en Esperanto, en la Urba Granda Teatro.

**Ĵaŭdon, 6 Aŭgusto:**

*Matene:* Kursoj, Prelegoj, Fakoj, Komitataj kunsidoj.

*Posttagmeze:* Promenado, Fakoj.

*Vespere: Solena memorfesto al D-ro Zamenhof* en Viktoria-Hall.

**Vendredon, 7 Aŭgusto:**

*Matene:* Eventuala ferma kunsido, se oni ne povis jam fermi ĵaŭdon vespere.

---

## La atmosfero de la kongreso.

Estas atendeble, ke la kongresoj en Okcidento (Genève, Edinburgh) ne havos la multnombrecon de tiuj en Centra Eŭropo, kie nia movado kalkulas multe pli densan adeptaron. En Genève estos jam tre kontentige se ni preterpasos mil aŭ milducent kongresanojn. Tiel estos io pli ĉarma kaj pli amika ol en tro vasta popolamaso. Nia celo estos agrabligi la restadon al ĉiu kongresano aparte kaj aranĝi la tagojn, por ke ĉiuj havu iom da libera tempo posttagmeze.

Laboro matene, babilado posttagmeze en ĝardenoj aŭ en boatetoj sur la lago, komunaj solenaĵoj vespere, jen la principo de la Ĝeneva kongreso. Ni deziras koran bonvenon al ĉiuj partoprenontoj.

---

## Pri loĝado.

Ni povas nur ankoraŭ foje rekomendi, ke kongresanoj mendu la turistajn biletojn de UEA enhavantaj por fiksa prezo la kongreskotizon, la biletojn por universitato, teatro, balo, ŝipekskurso, loĝado, manĝado kaj ĉiujn trinkmonojn en pensiono (120 sv. fr.) aŭ bonega hotelo (200 sv. fr.). Tiam ili havos neniun zorgon kaj havos ĉion rezervitan plej bone.

Turistajn biletojn la oficejo vendos nur ĝis la 10ª de Julio, ĉar poste estos tro malfrue por rezervi ĉambrojn. Cetere la disponeblaj biletoj estos certe elĉerpitaj je tiu dato.

## Restado sur montoj.

Restado sur montoj post aŭ antaŭ la kongreso kostas pli malkare ol en Ĝenevo mem. Plena loĝado kaj manĝado en pensionoj kostas po 8 fr. tage kaj en bonaj hoteloj inter 10 kaj 15. Bone estas rezervi sian ĉambron jam unu monaton antaŭe. Petu la gvidlibron de svisaj hoteloj de la Office de Tourisme, Löwenstrasse, Zürich, aŭ de „Pro Lemano", Grand Pont, Lausanne.

## Pri manĝado en restoracioj.

Ni jam diris, ke Ĝenevo ne estas urbo de restoracioj. Estas malmultaj el ili. Manĝo kostas inter sv. fr. 3,50 kaj 6.— laŭ la kvalito. En vegetara restoracio aŭ popolrestoracio oni manĝas po 2 fr. Privata ĉambro kun matenmanĝo kostas 4 ĝis 5 fr. Eĉ vivante tre modeste kongresano ne havus grandan avantaĝon preferi tiun sistemon al mendo de ruĝa bileto je 120 fr. entenanta ankaŭ la kongreskarton kaj la diversajn aliajn biletojn por teatro, universitato, ŝipekskurso ktp. Cetere en Aŭgusto estas neeble garantii ĉambron en Genève sen zorga antaŭmendo.

## La tuta kongreso en unu strato.

La tuta kongreso okazos en unu sama strato (rue du Général Dufour), kie sidas la Komerca Lernejo (Fakoj), la Viktoria-Hall (kunsidoj), la Palaco Elekteja (akceptejo), la Universitato (somerkursoj). La teatro sidas ĝuste apude sur Place Neuve.

## Vojaĝo-Prezoj de ĉeflokoj kaj limurboj en Eŭropo al Genève.

Por servi al la samideanaro, vizitonta nian kongreson, ni publikigas hodiaŭ liston de ĉeflokoj kaj limurboj en Eŭropo kun fervoja kosto en 2. kaj 3. klaso. Tiuj lokoj, kiuj mankas ni ne povis havigi la prezon pro komplikita kalkulo valuta.

| | | II-a klaso | III-a klaso |
|---|---|---|---|
| Amsterdam tra Basel . | sv. fr. | 73.95 | 49.10 |
| Antwerpen tra Paris . | fr. fr. | 200.60 | 128.95 |
| Barcelona . . . . . . | fr. fr. | 205.50 | 132.50 |
| Basel . . . . . . . | sv. fr. | 26.95 | 19.19 |
| Beograd . . . . . . | sv. fr. | 130.50 | — |
| Berlin tra Frankfurt . . | sv. fr. | 116.90 | 79.85 |
| Bruxelles tra Paris . . | fr. fr. | 192.50 | 122.25 |
| Budapest tra Wien . . | sv. fr. | 127.60 | 77.30 |
| Bukureŝti . . . . . . | sv. fr. | 180.00 | 103.00 |
| Cette . . . . . . . | fr. fr. | 108.95 | 69.30 |
| Danzig . . . . . . . | sv. fr. | 186.10 | 126.10 |
| Dieppe . . . . . . . | fr. fr. | 158.25 | 100.35 |
| Frankfurt a. M. . . . | sv. fr. | 64.90 | 43.70 |
| Hamburg . . . . . . | sv. fr. | 115.90 | 77.80 |
| Innsbruck . . . . . . | sv. fr. | 58.30 | 41.25 |
| Köln . . . . . . . | sv. fr. | 86.15 | 57.95 |
| København tra Hamburg | sv. fr. | 163.85 | 107.60 |
| Leipzig . . . . . . . | sv. fr. | 101.10 | 68.10 |
| Lisboa tra Madrid | | | |
| Liège tra Basel . . . . | sv. fr. | 39.50 | 26.80 |
| Luxemburg . . . . . | sv. fr. | 47.70 | 32.10 |
| Lyon . . . . . . . | fr. fr. | 37.50 | 24.25 |
| Madrid tra Barcelona . | sv. fr. | 456.25 | 312.00 |
| Milano . . . . . . . | sv. fr. | 37.45 | 25.35 |
| München . . . . . . | sv. fr. | 65.45 | 45.05 |
| Ostende . . . . . . | fr. fr. | 219.40 | 138.95 |
| Paris . . . . . . . | fr. fr. | 125.05 | 79.95 |
| Praha tra Karlsruhe . . | sv. fr. | 116.60 | 74.10 |
| Riga tra Berlin . . . | sv. fr. | 225.00 | 152.50 |
| Roma . . . . . . . | sv. fr. | 37.45 | 25.35 |
| Strasbourg . . . . . | sv. fr. | 116.85 | 73.05 |
| Trieste . . . . . . . | sv. fr. | 62.05 | 40.05 |
| Warszawa tra Wien . . | sv. fr. | 164.60 | 101.30 |
| Wien tra Innsbruck . . | sv. fr. | 97.60 | 58.90 |
| Zagreb . . . . . . . | sv. fr. | 82.85 | — |
| Zürich . . . . . . . | sv. fr. | 27.80 | 19.70 |

## Kongres-kontoj.

Por eviti superfluan korespondadon ni informas tie ĉi, ke de la alvenantaj sumoj ni forprenas tuj 20 sv. fr. por la kotizo de aliĝo. La ceteran sumon ni kreditas en la konto por la bileto. La bileta prezo enhavas la kotizon, sed pro financteknikaj kialoj ni devas dekalkuli tiun sumon. Cetere ĝi ne plu estas repagebla, dume en escepta kazo ni repagas la sumon por turista bileto, eventuale malpli iaj elspezoj jam faritaj por la mendinto.

Ni ne plu respondas al apartaj demandoj pri tio.

* * *

## Malfruiĝo de respondoj.

Sekve de l' foresto de niaj direktantoj al la konferencoj de Paris kaj la pentekostaj kongresoj amasiĝis iom la alveninta korespondado. Ni tuj respondas ĉion sinsekve kaj petas pri paciencigo.

* * *

## Aliĝiloj.

Ni petegas, ke oni uzu niajn aliĝilojn kaj ŝparu al ni temporaban kopiadon de adresoj kaj detaloj. Informoj kaj demandoj povas esti farataj mallonge sur aparta folio.

### Proponoj pri organizo.

Kun plezuro ni akceptos klarajn dezirojn, proponojn kaj sugestojn por plibonigo de kelkaj detaloj en la kongres-aranĝo, intencante kiom plej eble kontentigi la vizitantojn.

* * *

### Vizo per provizora legitimacio.

Per tio ni informas, ke por havigi la senpagan svisan vizon al tiuj ŝtatanoj, kiuj bezonas ĝin por eniri nian landon, sufiĉas montri al la svisa konsulejo la provizoran legitimacion, kiun ni sendas al ĉiu aliĝinto, paginta sian kotizon.

Ni jam sciigis, ke la Kongresa Karto kaj la dokumentoj estas enmanigataj nur ĉe la alveno en nia urbo.

* * *

### Vendado kaj ekspozado dum la kongreso.

Interesatoj informu nin tuj pri siaj intencoj por sciigo de la kondiĉoj kaj por ebligi bonordan aranĝon.

Ni severe malpermesos nerajtigitajn vendadon kaj ekspozadon dum la tuta kongreso.

* * *

### Fakkunsidoj.

Urĝas la respondoj de la aranĝontoj. Ni memorigas pri nia sciigo en Bulteno N-ro 6.

Ni povas certigi lokigon nur al tiuj fakkunsidoj, kiuj anoncis sin sufiĉe frue por esti metata en la difinitivan programon.

Al multaj demandoj ni respondas, ke ni kompreneble zorgos, ke la fakkunsidoj laŭeble ne koincidu kun aliaj samspecaj kaj ne kun la somer-universitataj kursoj.

---

## Listo de Kongresanoj.

251. S-ro Lecikey, James, Greybole, Hatfield, Angl.
252. S-ro D-ro L. C. v. d. Meulen, Haarlem, Nederl.
253. F-ino H. v. d. Meulen, Haarlem, Nederl.
254. S-ro Pfeiffer, Carl, Aschaffenburg, Germ.
255. S-ro D-ro Liebeck, adv., Berlin, Germ.
256. S-ino Liebeck, Trude, Berlin, Germ.
257. S-ro Ihne, Wilhelm, Siegen i. Westf., Germ.
258. S-ro Eckstein, Paul, Falkenstein i. Vogtl., Germ.
259. S-ro Schimpf, Ernst, Falkenstein i. Vogtl., Germ.
260. S-ro Meinel, Karl, Ellefeld i. Vogtl., Germ.
261. F-ino Skomlinski, Fanny, Stettin Germ.
262. F-ino Fenz, Erika, Stettin, Germ.
263. S-ro Kamin, Helmut, Stettin, Germ.
264. S-ino Rogge, Olga, Berlin, Germ.
265. S-ro D-ro Sigel, Tobias, Detroit, Mich., U. S. A.
266. S-ino Baum-Gottlieb, Lwów, Polujo.
267. F-ino Driks, Julia, Lwów, „
268. S-ino Tenzer, Eva, Lwów, „
269. S-ro D-ro Wolff, Alfred, Lwów, „
270. F-ino Auerbach, Ema, Lwów, „
271. S-ro Hescheles, Zygmunt, Lwów, „
272. S-ino Hescheles, Antonia, Lwów, „
273. S-ino Fels, Regina, Lwów, „
274. F-ino Fels, Anna, Lwów, „
275. S-ro Peters, Karl, Wismar (Mecklbrg.), Germ.
276. S-ro Stojan, Petro, Genève.
277. S-ro Herrmann, Eduard, Königsberg i. Pr., Germ.
278. S-ino Schladitz, Elisabeth, Leipzig, Germ.
279. S-ro W. E. Clayton, London, Angl.
280. S-ino W. E. Clayton, London, Angl.
281. S-ro Legrand, Enrique, Montevideo, Urugvajo.
282. S-ino Legrand-Lasserre, Enriqueta, Montevideo, Urugvajo.
283. F-ino Legrand, Marta, Montevideo, Urugvajo.
284. S-ro Legrand, Diego, Montevideo, Urugvajo.
285. S-ro Rodger, Samuel J., London, Angl.
286. S-ro Fox, Hans, Danzig.
287. F-ino Stammer, Else, Stuttgart, Germ.
288. S-ro D-ro Vogt, Anton, Stuttgart, Germ.
289. S-ino Vogt, Betty, Stuttgart, Germ.
290. F-ino Birner, Janka, Bielsko, Polujo.
291. F-ino Dougall, Annie G., Glasgow, Skotl.
292. S-ino Dougall, Jessie, Glasgow, „
293. S-ro Dougall, Archibald, Dalkeith, „
294. F-ino Wilson, Janet, Glasgow, „
295. F-ino Nicol, Alison A., Glasgow, „
296. S-ro Hyams, Henry, London, Angl.
297. S-ino Hyams, Dorothea, London, Angl.
298. S-ino Mundweil, Sofija, Krapina, Sudslavio.
299. F-ino Hewetson, Mabel Victoria, Blackburn, Angl.
300. F-ino Lanigan, Doris, Manchester, Angl.
301. F-ino Lanigan, Elsie, Manchester, Angl.
302. F-ino Stoddart, Edith, West Bollington, Angl.
303. S-ro Blankenheim, Max, Berlin-Steglitz, Germ.
304. S-ro Christaller, Paul, Stuttgart, Germ.
305. S-ro Georgiev, Kiril P., Sofia, Bulgarujo.
306. S-ro Johannes, Georg, Düsseldorf, Germ.
307. S-ino Johannes, Maria, Düsseldorf, Germ.
308. F-ino Moniouska, Ella, Krakow, Polujo.
309. S-ro Loth, Jerzy, Warszawa, „
310. S-ino Loth, Anna, Warszawa, „
311. S-ro Lesmann, Ludoviko, Budapest, Hung.
312. F-ino Fekete, Iren, Budapest, Hung.
313. S-ro Plehn, Hans J., Breslau, Germ.
314. S-ino Davidova, Pavla, Usti n. Orlici, Ĉeĥoslov.
315. F-ino Kennedy, Margaret, Glasgow, Skotl.
316. S-ro Kennedy, David, Glasgow, Skotl.
317. F-ino Manssen, E., Zaandam, Nederlando.
318. F-ino Van Ganse, Alice, Antwerpen, Belgujo.
319. F-ino Van Ganse, Irma, Antwerpen, Belgujo.
320. F-ino Geers, Blanche, Antwerpen, Belgujo.
321. F-ino Wouters, Elisa, Antwerpen, Belgujo.
322. F-ino Meyrat, Johanino, Saint-Imier, Svisl.
323. S-ro Arabeno, M., Genova, Italujo.
324. F-ino Wickham, G., Varengeville, Franc.
325. S-ro Müller, Richard, Auerbach i. Vogtl., Germ.
326. F-ino Vogel, Emmy, Neu-Ulm, Germ.
327. F-ino Lindberg, Sofia, Gemla, Svedujo.
328. S-ro Klein, Alfred, Wien, Aŭstrio.
329. F-ino Klein, Rozsa, Budapest, Hung.
330. S-ro Klajnerman, Benjamin, Bydgoszcz, Polujo.
331. F-ino Zuntererova, Finka, Praha, Ĉeĥoslov.
332. F-ino Nyvltova, Heda, Praha, Ĉeĥoslov.
333. F-ino Nyvltova, Anĉi, „ „
334. F-ino Zlatohlavkova, Marta, Bratislava, Ĉeĥoslov.
335. S-ro Zausmer, Stanislav, Lwów, Polujo.
336. S-ino Auerbach, Fany, „ „
337. S-ro R. W. F. Kyftenbelt, Veghel, Nederl.
338. S-ro Koogecu Niŝimura, Ajabe (Oomoto), Japanujo.
339. S-ro Ferko, Geza Johano, Bratislava, Ĉeĥoslov.
340. S-ro Kimmel, August Karl, Waldbüttelbrunn, Bavar., Germ.
341. S-ro Elten, E., Hildesheim, Germ.

342. S-ro Jung, Teo, Horrem b. Köln, Germ.
343. F-ino O'Brien, Elizabeth, London, Angl.
344. S-ro D-ro Berendt, Leopold, Berlin, Germ.
345. S-ino Berendt, Lotte, Berlin, Germ.
346. S-ro Berendt, Heinz, Berlin, Germ.
347. S-ro P. G. van Wijk van Brievingh, Rotterdam, Nederl.
348. F-ino Houlker, Clara, Blackburn, Anglujo.
349. S-ro J. J. Boutwood, Hastings, "
350. S-ino E. M. Boutwood, " "
351. F-ino Reed, Lillie, " "
352. S-ro Gueritte, Tony, Surbiton, Anglujo.
353. S-ro Klimek, Karlo, Brĉko, Jugoslavio.
354. S-ro Mehmed Huluci Haghi Mustafa, prof., Aidin, Turkujo.
355. S-ro Elizondo, Teodoro, Bilbao, Hispanujo.
356. F-ino Henrietta de Lange, s' Gravenhage, Nederl.
357. F-ino Legay, Elise, Roubaix, Franc.
358. S-ro Adams, Alfrd. Jno., Hastings, Anglujo.
359. S-ro Dühring, Fritz, Leipzig, Germ.
360. S-ro Lajos, Gyula, Pecs, Hungarujo.
361. F-ino Hamel, Alice, London, Anglujo.
362. S-ro J. Course, Letchworth, Anglujo.
363. F-ino E. Hasda, Reichenberg, Ĉeĥoslov.
364. S-ro Bridger, Henry John, Erith, Kent, Anglujo.
365. F-ino Mitchell, Ella Ruth, Eastbourne, Anglujo.
366. S-ro Rose, Walter, Hagen i. W., Germ.
367. F-ino Küster, Louise, Neuchatel, Svisl.
368. S-ro Vitt, Otto, Karlshafen, Germ.
369. S-ro Becker, Max, Markneukirchen, Germ.
370. S-ino Jenckel, Elsa, Hamburg, Germ.
371. S-ino Morris, Alice, New-York, U. Ŝ. A.
372. F-ino Jones, Marguerite E., New-York, U. Ŝ. A.
373. S-ro Hofmann, Oskar, Ulm, Germ.
374. S-ro Glaser, Ludwig, Breslau, Germ.
375. S-ro D-ro Carnap, Rudolf, Buchenbach i. B., Germ.
376. F-ino Zamenhof, Lidja, Warszawa, Polujo.
377. F-ino D-ro Zamenhof, Sofio, Warszawa, Polujo.
378. S-ro Istel, Ludwig, Wiesbaden, Germ.
379. S-ro Meisgeier, Edmund, Leipzig, Germ.
380. F-ino Meisgeier, Marianne, Leipzig, Germ.

*

Pro manko de loko plua listo de kongresanoj aperos en la venonta Bulteno. Tiu ĉi listo entenas ĉiujn aliĝojn ĝis la fino de monato Majo.




Esperanto-Presejo Magdeburg-N




# KONGRESA BULTENO

de la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 2-7 Aŭg. 1925

## Listo de Kongresanoj.

38[illegible] [illegible]ro Grimmitt, Vincent, London, Anglujo.
382. [illegible]ino Grimmitt, Sally, London, Anglujo.
383. [illegible]ro D-ro Briquet, Maurice, Lille, Francujo.
384. [illegible]ino Hüblowa, Franciszka Lwow, Polujo.
385. [illegible]ro P. Carolfi, Modesto, Cortemaggiore. Italio.
386. S-ro Warden, John Mabon. Edinburgh, Skotlando.
387. F-ino Anderson, Elsie, Edinburgh, Skotl.
388. F-ino Anderson, Euphemia, Burntisland, Skotl.
389. F-ino Anderson, Sarah West, Blairgowrie, Skotl.
390. F-ino Baird, Jane, Edinburgh, Skotl.
391. F-ino Breck, Agnes, Edinburgh, Skotl.
392. F-ino Cochrane, Isabella, Dunfermline, Skotl.
393. S-ro Forbes, James Thoms, Dundee, Skotl.
394. S-ino Forbes Tryphena Sellars, Dundee, Skotl.
395. F-ino Gibson, Annie Sanderson, Edinburgh, Skotl.
396. S-ro Hunter, George Barron, Edinburgh, Skotl.
397. F ino Inglis, Margaret, Kirkcaldy, Skotl.
398. S-ino Miller, Mary Seath, Edinburgh, Skotl.
399. F-ino Miller, Marjorie Seath, Edinburgh, Skotl.
400. F-ino Morrison, Annie, Glasgow, Skotl.
401. F-ino Muir, Mary O., Edinburgh, Skotl.
402. F-ino Wight, Annie Goldis, Edinburgh, Skotl.
403. F-ino Lanigan, Amy, Manchester, Anglujo.
404. F-ino Judd, Lilian, London, Angl.
405. F-ino Heiligenstein, Louise, London, Angl.
406. S-ro Holmes, John Thomas, Baildon, Angl.
407. S-ino Holmes, Mary, Baildon, Angl.
408. S-ro Steinhauer, Hans, Trautenau, Ĉeĥoslov.
409. S-ro Caumont, Armand, Basel, Svislando.
410. S-ro Dreiskemper, Alfons, Essen-Borbeck, Germ.
411. S-ro P. Läufer, Albert, Mainz, Germ.
412. F-ino Humbert, Nathalie, Neuchâtel, Svisl.
413. S-ro Michling, B., Altona, Germ.
414. F-ino Zimmermann, Anna, Frankenberg, Germ.
415. S-ro Funk, Heinrich, Fulda, Germ.
416. S-ro Elsner, Hans, Waldenburg-Altwasser, Germ.
417. S-ro Wolf, Jules, La Chaux-de-Fonds, Svisl.
418. S-ino Wolf, J., La Chaux-de-Fonds, Svisl.
419. S-ro Wolf, Charles, La Chaux-de-Fonds, Svisl.
420. S-ro Pirr, Heinz, Berlin-Lichtenberg, Germ.
421. S-ro Dreher, Leopold, Krakow, Polujo.
422. S-ro Goldfeder, Szyja, Hoszcza, Polujo
423. S-ino Wildish, Elizabeth, Eva, Hastings, Angl.
424. S-ino Gillett, Mary C., Banbury, Angl.
425. S-ro Gillett, J. Bernard, Banbury, Angl.
426. S-ro Kriss, Juliusz, Krakow, Polujo
427. S-ro Jeckel, Herbert, Bodenbach, Ĉeĥoslov.
428. S-ro Göll, Karl, Bodenbach, Ĉeĥoslov.
429. S-ro Treude, Wilhelm, Köln, Germ.
430. S-ro Meyer, Wilhelm, Auerbach i. V., Germ
431. S-ro Freund, Siegmund, Breslau, Germ.
432. S-ino Freund, Lotte, Breslau, Germ.
433. F-ino Weinsberg, Regina, Krakow, Polujo.
434. S-ro Prof. Bujwid, Odo, Krakow, Polujo.
435. S-ro Deligny, Ernest, Saint-Omer, Francujo.
436. F-ino Deligny, M., Saint-Omer, Francujo.
437. S ino Kozma, Nora, Budapest, Hungarujo.
438. F-ino Donat, Elisabeth, Stettin, Germ.
439. S-ro Bednar, Josef, Brno, Ĉeĥoslov.
440. S-ro Rae, William, Edinburgh, Skotl.
441. S-ro Stevens, Carel Max, den Haag, Nederlando.
442. S-ino Theodore, Mary, Llanfair, Angl.
443. S-ro Tredgold, Robert Ralph, London, Angl.
444. S-ro Kötz, Bernhard, Leipzig, Germ.
445. S-ino Kötz, Gertrud, Leipzig, Germ
446. S-ro Omlor, Ernst August, St. Ingbert, Saarteritorio.
447. S-ino Omlor, Maria, St. Ingbert, Saarteritorio.
448. F-ino Reymond, Marie, Lausanne, Svisl.
449. S-ro Ulaortua, Pedro, Deusto ap. Bilbao, Hisp.
450. S-ro Diaz, Alberto, Portugalete, Viscaya, Hisp.
451. S-ino Apostolowska, Aurelia, Varna, Bulgarujo.
452. S-ro Dreiskemper, Franz, Recklinghausen, Germ.
453. S-ro Gehrmann, Josef, Recklinghausen, Germ.
454. S-ro Gehrer, Edvino, Bregenz, Aŭstrio.
455. S-ro D-ro Kozma, Karlo, Budapest, Hungarl.
456. S-ro Ledineg, Friedrich, Leibnitz, Aŭstrio.
457. F-ino Taussig, Hermine, Praha-Vinohrady, Ĉeĥoslov.
458. F-ino Kennedy, Annie Mc Lean, Glasgow, Skotl.
459. S-ro Grunewald, Alfred, Seifhennersdorf, Germ.
460. F-ino Lapp, Augusta, Genève, Svisl.
461. S-ro D-ro Fulda, Robert, Berlin, Germ.
462. S-ro Friedrich, Karl, Freital-Döhlen, Germ.
463. S-ro D-ro Synek, August, Bielsko, Polujo.
464. S-ro Bienenstock, Samuel, Bielsko, Polujo.
465. S-ino Witz, Milly, Praha, Ĉeĥoslov.
466. S-ro D-ro Krenicki, Jozefo, Warszawa, Polujo.
467. F-ino Berry, Evelyn, Manchester, Angl.
468. F-ino Laade, Marie, Berlin-Südende, Germ.
469. F-ino Ludvikova, Marie, Praha-Karlin, Ĉeĥoslov.
470. S-ino Brückner, Helene, Glauchau i. S., Germ.
471. S-ino Hiecke, Ernestine, Glauchau i. S., Germ.
472. S-ro D-ro Döhler, Walter, Riesa, Germ.
473. S-ro Kröber, Karl, Riesa, Germ.
474. S-ro Bühring, Oskar, Leipzig-Reudnitz, Germ.
475. F-ino Löffler, Else, Stuttgart, Germ.
476. S-ro Strassert, Heinrich, Berlin-Steglitz, Germ.
477. S-ro Ŝapiro, Jakobo, Bialystok, Polujo.
478. S-ro Henkel, Hugo, Fulda, Germ.
479. S-ro Adrian, Conrad, Verl, Germ.
480. F-ino Adrian, Gertrud, Münster i. W., Germ.
481. F-ino Dovey Emily, Brighton, Angl.
482. S-ro Johannes, Albert, Düsseldorf, Germ.
483. S-ro Prescher, Felix, Lindau a. B., Germ.
484. S-ro Kesik, Herold, Bratislava, Ĉeĥoslov.
485. S-ro Köhler, Karl, Essen (Ruhr), Germ.
486. S-ro Pöll, Heinrich, Salzburg, Aŭstrio.
487. S-ino Steinsky, Höllrigl, Herta, Salzburg, Aŭstrio.
488. S-ro Wendler, Arthur, Lindau a. B., Germ.
489. S-ino Indra, Klaudija, Riga, Latvio.
490. F-ino Fassbind, Elisabeth, Berlin, Germ.
491. S-ro Engelmann, Alfred, Rosny-sous-Bois, Francujo.
492. S-ino Hardcastle, Flora, Shipley, Angl.
493. S-ro Hardcastle, William, Shipley, Angl.
494. S-ro Glöckner, Paul, Pirna a. E., Germ.
495. S-ro Richter, Rudolf, Pirna a. E., Germ.
496. S-ro Roschers, Johannes, Harthau, Germ.
497. S-ro Israelsen, Marius, Hillerid, Danujo.
498. S-ro Höhn, Gustav, Zürich, Svisl.
499. S-ro Karsch, Johannes, Lausa-Weixdorf, Germ.
500. S-ro Frischknecht, Jakob, Waldstatt, Svisl.

---

## Loĝado por ne-mendintoj de turistaj biletoj.

Al la samideanoj ne-mendintaj turistan bileton de UEA la Loka Organiza Komitato dissendis la sekvantan cirkuleron:

*Tre estimata samideano,*

Ni komunikas al vi liston de hoteloj en Genève kun prezo de simpla ĉambro kun 1 lito por la nokto, sen matenmanĝo.

La matenmanĝo ĝenerale kostas en Genève 1.50—2.50 sv. fr. laŭ la hotelo.

Bonvolu elekti mem la hotelon, kiun vi preferas kaj sendi al ĝi la enmetitan leteron kun via mendo, aldonante la poŝtkarton, por ke vi ricevu konfirmon de la hotelo mem. Se vi ne ricevos ĝin bonvolu plendi al ni.

Por la adresaro de la kongresanoj ni petas, ke vi ankaŭ sendu al ni la alian verdan poŝtkarton, indikante la hotelon, kiun vi elektis.

Kun kora danko kaj bondeziroj al via vojaĝo ni salutas vin

*XVII. Universala Kongreso de Esperanto*
Loka Organiza Komitato.

* * *

**Hôtel de .................................................. Genève.**

*Monsieur le Directeur,*
*Sinjoro Direktoro,*

Veuillez me réserver ......... chambre á ......... lit au prix de
Bonvolu rezervi por mi ...... ĉambro(j)n kun ...... lito(j) por la prezo de
.......... frs. pour le .................... 1925.
.......... sv. fr. por la .................... 1925.

Je vous serais très obligé de bien vouloir ne répondre
Mi estos tre danka al vi, se vi bonvolus respondi al mi
le plutôt possible en employant la carte postale ci-jointe.
kiel plej eble baldaŭ, uzante la ĉi-kunan postkarton.

Le ...................................... 1925.
La ...................................... 1925.

* * *

## Listo de hoteloj.

| | sv. fr. |
|---|---|
| Hôtel des Bergues (unuagrada), apud la lago | de 10.00 |
| Beau-Rivage „ „ „ „ | de 9.00 |
| Touring-Balance | de 5.00 |
| Hôtel des Familles, apud la stacidomo | de 5.00 |
| Hôtel Genève et Brésil, apud la stacidomo | de 5.00 |
| International-Terminus, apud la stacidomo | de 5.00 |
| Victoria | de 5.00 |
| Bristol, apud la stacidomo | de 4.00 |
| Suisse, „ „ „ | de 4.00 |
| Hôtel des Alpes | de 3.50 |
| Hôtel de l' Europe | de 3.50 |
| Regina, apud la lago | de 5.00 |
| Strasbourg | de 3.50 |
| Nouvelle Poste, apud la stacidomo | de 3.00 |
| Bourgogne, „ „ „ | de 3.50 |

Neniu el tiuj hoteloj estas pli malproksime ol 10—15 minutoj de la kongresaj ejoj



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## La movado en Ruslando.

Post la muro, kiu apartigas nin de la rusaj esperantistoj, la movado disvolviĝas, aperas novaj libroj, lerniloj, gazetoj, estas fondataj grupoj kaj kursoj. Eĉ samideanoj, kiuj loĝas en tiuj landoj mem, ne havas la kompletajn informojn, pro la vasteco de la teritorio. Hodiaŭ ni prezentas la resumon, kiu donas proksimuman ideon pri la movado

En pli ol 150 urboj kaj en multaj vilaĝoj de U. S. S. R. funkcias grupoj kaj kursoj. En *Moskva* oni disradias Esperanto-kurson, kaj preparas fondon de Esperanta Teknika Instituto, oficiale permesita de la Regna Instrua Fako. Komence de aŭgusto okazos V-a Ruslanda Kongreso, la II-a Sovetlanda. La Centra Kontrolejo de la Regna Federacio oficiale adoptis Esperanton por la eksterlanda korespondado, kaj ĝi pagas honorarion al la aŭtoroj de l' verkoj kaj informoj, utilaj por la sistema studado pri la organizaj kaj ekonomiaj demandoj.

Vigla movado estas en la provincaj regionoj: Kaŭkazo, Krimeo, Siberio, Tatario, Turkestano, Uralio, Armenio, k. a.

La ĉefa gvidanto de l' movado, S-ro *Ernest Dresen,* publikigas grandan libron pri la Mondlingva Problemo, kiu estos por la ruslingvanoj la samo, kio estas por la franclingvanoj la „Histoire de la Langue Universelle“ de Couturat kaj Leau.

En *Kiev* agas S-ro Devjatnin kun siaj kunlaborantoj. Dum lastaj jaroj tie okazis 100 paroladoj pri nia lingvo. En la Akademio raportis pri Esperanto S-ro Paniŝevski. Per speciala aranĝo estas malpermesitaj aliĝoj al UEA kaj la delegita servado. Oficiale havas monopolan rajton ekzisti nur Sov. Esp. Servo kun siaj filioj, en tuta Ruslando kaj U. S. S. R.

## Novaĵoj el Ameriko.

En *San Francisco,* California, fondiĝis nova grupo kun la parolanta klubo ĉe la oficejo de la delegito S-ro Brewster Ames, 690 Market Str., ĉambroj 309—10—11.

En *Milwaukee,* Wisconsin, la tiea Esperanto-Asocio nombras 100 anojn kaj kunvenas ĉiumonate en la Publika Biblioteko.

En *Rio de Janeiro,* Brazilio, estas inaŭgurita komerca kurso de nia lingvo ĉe la Asocio de Komercoficistoj. Dum la malfermo prezidis D-ro Miguel Calmon, ministro de la Terkulturo, Industrio kaj Komerco.

En *Santiago,* Chile, okazis kunveno de la nacia lingva subkomitato esperantista, dum kiu oni decidis restarigon de la Zamenhofa Klubo.

En *Cambridge,* U. S. A., la Bostona Esperantista Societo festis sian jarkunvenon kaj disradiis novaĵojn pri nia movado.

## Grandaj Naciaj Gazetoj uzas Esperanton.

Bele ilustrita finna revuo „*Otavainen*“ en Helsinki havas regulan Esperanto-fakon kaj presigas la kurson de S-ro Vilho Setälä.

Granda japana ilustrita ĵurnalo „*Ŝin-Aiĉi*“ en Nagoja enhavas ĉiam Esperantan Kronikon, kompreneblan por ni insulon inter la strangaj kaj komplikitaj ĉino-japanaj hieroglifoj.

Konata belpresita „*Illustrierte Rundschau*“ en Wien dediĉis al nia movado sian numeron, verdkolore presitan, kun 32 fotoj pri nia movado.

Riĉbilda revuo „*El Heroldo Naturista*“ en Mexico estas daŭre favora al nia lingvo.

Bonega faka revuo „*Experimental Wireless*“ en London regule donas kurson de nia lingvo.

Grava industria revuo „*L' Index des Industries du Cuir*“ enhavas la resumojn kaj enhavtabelojn en tri lingvoj: Franca, Angla, Esperanta.

Ni laŭhazarde elektis sep ekzemplojn el diversaj landoj kaj specoj de l' periodaĵoj, kiuj ŝatas nian lingvon, kaj kies kompleta listo estas tro longa por la eta spaco de nia gazeto.

„*La Revue Aéronautique de France*“ (Majo — Junio 1925) presigas bonegan artikolon de S-ro Archdeacon kaj *L' Ere Nouvelle* ĵus finis ĉiutagan felietonan aperigon de lia traduko de l' romano „Ĉu li?“ de D-ro Valienne, tre interesa nova maniero atentigi la publikon pri la valoro de nia lingvo.

## Esperantista Kongresa Dataro.

| | | |
|---|---|---|
| Julio | 9—12: | Bulgara XII-a Kongreso en Sofia. |
| Julio | 11—12: | Sveda Laborista Konferenco en Uddevalla. |
| Julio | 24—26: | Sportula Laborista Konferenco en Frankfurt a. M. |
| Julio | 25—27: | Rumana V-a Kongreso en Ploeŝti. |
| Julio | 31—7. VIII.: | Somera Universitato en Genève. |
| Aŭgusto | 1: | Antaŭkongreso en Bern. |
| Aŭgusto | 2—7: | Universala XVII-a Kongreso en Genève. |
| Aŭgusto | 5—10: | Ruslanda V-a Kongreso en Moskva. |
| Aŭgusto | 11—15: | Sennacia V-a Kongreso en Wien. |
| Aŭgusto | 13—16: | Katolika X-a Kongreso en Paris. |
| Septembro | 13—15: | Itala X-a Kongreso en Bari. |
| Oktobro | 16—18: | Japana XIII-a Kongreso en Kioto. |

## Kongreso de Liberpensuloj.

*Internacia Lingvo sur la tagordo.*

La XIXa Internacia Kongreso de Liberpensuloj sub aŭspicioj de la „Fédération Internationale des Sociétés de Libre Pensée“ okazos 15—18 Aŭgusto en la *Hôtel des Societes Savantes, 28 Rue Serpente, Paris.* La Kongreso malfermiĝos la 15an, je 14.30. Dimanĉon 16a okazos diskuto pri internacia lingvo, kiam S-ro E. E. Yelland (London), en la nomo de la Internacia Ligo de Liberpensuloj, parolados pri Esperanto. Estas dezirinde, ke multaj samideanoj ĉeestu por subteni la paroladonton. Nia samideano Prof. Th. Hartwig, el Brünn, parolos pri „La Bavara Konkordato“ la 17an de Aŭgusto. Kotizo 20 Frankoj. Petu detalojn de Dr. M. Terwagne, rue de l' Ecuyer, 25, Bruxelles, aŭ de S-ro E. E. Yelland, 3, Fonthill Road, Finsbury Park, London N. 4.



# LINGVAJ STUDOJ



## Por Zamenhofa Vortaro.

En la unua alvoko (aprila „Esperanto") ni notis, ke la listo de Zamenhofaj vortoj estas necesa antaŭpreparo de la modela *Esperanto-Esperanta Vortaro*, pri kiu iam revis nia Majstro, kiun nun preparas kelkaj fakuloj. La alvoko estis bone aŭdita, kaj el diversaj landoj venas la aproboj kaj bonvolaj proponoj pri la kunlaboro. Ok personoj jam esploras Zamenhofajn verkojn, nesufiĉe aŭ tute ne esploritajn je la vortara vidpunkto. Post la Kongreso nia kolektiva laboro ekfunkcios kun plej kontentiga vigleco. Unua nia zorgo estos fari precizan kaj kompletan liston de Zamenhofaj neoficialaj radikoj, akompanitaj de la koncerna frazo, kun indiko de la paĝo, kaj de la leksikografia klarigo en Esperanto, por la tutmonda komprenebleco. Kiam la unua laboro estos finita, ĝin laŭvole uzos ĉiuj vortaristoj, kiuj garantios la akuratan resendon de la manuskripto. Samtempe komenciĝos la dua parto de l' laboro: propraj nomoj kaj rimarkindaj kunmetaĵoj. La metodo de la dua laborparto nun estas studata kaj praktike elprovata.

Nia modesta entrepreno elvokis la intereson kaj viglan diskutadon. Interalie ni ricevis leteron, kiun ni represas sube. Tiu letero, kiu pruvas la utilecon de nia laboro ankaŭ por Esperantonaciaj vortaroj, estis skribita antaŭ ol S-ro Wüster havis eblecon konatiĝi kun la metodoj kaj celoj de nia entrepreno, kiu cetere tuŝas iom alian kampon ol tiu de la „Enciklopedia Esperanto-Germana Vortaro".

Ni estos feliĉaj se nia modesta laboro kontribuos al la plej granda nacia, t. e. Esperanto-Germana, vortaro, por kiu la aŭtoro oferis multe da tempo kaj mono. Sed ni celas ja la antaŭpreparon de la Esperanto-Esperanta vortaro, destinita por ĉiuj nacioj, ĉar ĝi estos redaktita nur esperante. Kaj kiel unuan ŝtonon por tiu grava verko ni baldaŭ prezentos la definitivan Zamenhofan radikaron, kiun ni unuavice disponigos al S-ro Wüster kiel kontribuon por lia tre grava laboro.

*Petro Stojan*
ĉe UEA, 12 Bd. du Théâtre, Genève.

*

## Por Zamenhof-Vortaro.

(Respondo al la alvoko en „Esperanto" 1925, paĝo 90).

*Berlin-Charlottenburg 2,* 28 Junio 1925.
Schillerstrasse 12.

Tiujn, kiuj aprobas la ideon kompili kompletan vortaron de ĉiuj radikoj, kunmetaĵoj kaj parolturnoj prese uzitaj de Zamenhof, mi atentigas, ke de multaj jaroj mi kun kelkaj ĉiutagaj helpantoj laboras por ĝia realigo. Proksimume 20000 el la proksimume 100000 Zamenhof-slipoj jam estas deponitaj en la du unuaj finkompostitaj volumoj de mia „Enciklopedia Vortaro".

Ĉiun, kiu volas helpi per kunlaboro la kompilon de kompleta Zamenhof-vortaro, mi refoje kore invitas: Certe mankas en la unuopaj volumoj de la E.-V. ankoraŭ gravaj Zamenhofaj lingveroj. Sinceran dankon meritas ĉiu tia atentigo *kun fonto;* ni enigos la preterlasitaĵojn en la suplementojn. La fine aperonta *Zamenhof-Konkordanco* povos esti absolute kompleta, se ĉiu bonintenca kritiko estos pasigata al mi. (Spertuloj vidos ankaŭ, ke la postaj volumoj de la E. V. jam estas nekompareble pli kompletaj ol la unua, preligita sub la ombroj de la mondmilito.)

*Eugen Wüster.*

* * *

PS. Ni profitas la okazon por ankoraŭfoje rekomendi al la esperantistaro subteni per aĉeto la grandegan verkon de S-ro Wüster „Enciklopedia Vortaro" (Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig), kiu meritas esti en ĉiu biblioteko de grupo aŭ privata samideano. Pri ĝi ni presigos detalan artikolon de Prof. Dietterle en venonta numero. *(Red.)*

---

**Kun tiu ĉi numero estas sendata**
**„Scienca Bulteno" kaj**
**„Bulteno de la Internacia Labor-Oficejo".**
**La sekvanta numero de „Esperanto" aperos post la kongreso.**

---

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.
Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

### Problemo N-ro 150.

*D-ro J. Dobruský*
(1888).



Blanko matas per la 3-a movo.

### Problemo N-ro 151.

*D-ro J. Dobruský*
(1896).



Blanko matas per la 3-a movo.

### Problemo N-ro 152.

*D-ro A. Galicky*
—



Blanko matas per la 3-a movo.

### Problemo N-ro 153.

*H. T. Bailey,* London
(Originalo).



Sinmato per la 2-a movo.

La reproduktitaj trimovaj problemoj estas rimarkindaj pro la arte esprimita persekuto de la nigra kuriero. En la unua problemo post la movo de la T sekvas la D la movojn de la K sur la diagonalo a1—h8 ĝis la K liberigas al la D la diagonalon b8—f4. En la dua problemo ĉasas la blanka K nigran K, sin movantan sur la diagonalo a1—f6. La tria problemo ludigas la kurieron diagonale sur ĉiuj kampoj de f5 ĝis b1 kaj sur ĉi tiuj kampoj estas la K persekutata de la D de sur la kampoj c1, d2, e3, por povi respondi al la eventuala movo de la peono h7 per la kapto de la K. — La sinmato de nia angla samideano apartenas al la grupo de simetrie konstruitaj verkoj, kiujn oni foje dum ne longa tempo kulturigis. Domaĝe ke ilian belaspekton akompanas ĉiam la ombro: ilia solvado, kiu estas ĉiam tro facila.

*

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 146: 1. De2—e8, Ta5 movas, 2. Tc6—a6 m; Tb4 movas, 2. Tc6—c4 m; Ra4—b5, 2. Ĉb1×c3 m.

N-ro 147: 1. Dd4—d8, Ĉb7×d8, 2. f7—f8Ĉ m; Rh7—g6, 2. f7—f8Ĉ m; Dc8×d8, 2. Ke6—f5 m; Dc8×e6, 2. Dd8—g8 m; Ĉc5×e6, 2. Dd8—d3 m.

N-ro 148: 1. Ĉe7—d5, Rc4×d5, 2. Dc8—e6 m; Tc6×c8, 2. d2—d3 m; Ta6×a8, 2. Ĉd5—b6 m.

N-ro 149: 1. Dh1—h7, g6—g5, 2. Ĉc1—e2 m; Rd4—c3, 2. Dh7×g7 m; c4—c3, 2. Dh7—h4 m; Rd4—e4, 2. Dh7—h4 m.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 134, 135, 136, 138, 139, 140, 144 Jonas Unguraitis, Žaliašarkiai (Litov.); 138, 139, 140, 141 H. Steding, Bremen (Germ.); 145 T. Sika, Praha (Ĉeĥ.)

*Korespondo:*

S-ro *H. Steding.* — La trimova probl. Rc2, Dh8, Rd5, Kb8 enhavas tro da superflua materialo, tial malpureco en la matoj krom la multaj dualoj.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ: L = letero. PK = poŝtkarto. PI = poŝtkartoj ilustritaj. PM = poŝtmarkoj. bfl = poŝtmarkoj sur bildflanko. kĉl. = kun ĉiuj landoj. Esp-aĵo = Esperantaĵo. fot-aĵo = fotografaĵo. gaz. = gazeto.*

Atentigo!

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Abituriento** de germana reallernejo, kun 4-jara praktiko en banko, serĉas bonan pozicion en eksterlando. Kiu scias pri iu loko, tiu afable skribu al S-ro L. Loos, Pfarrgasse 1, Bamberg, Germanio.

**Absolvinto** de komerca akademio, 28-jara, serĉas postenon de librotenisto aŭ de ĉeĥa korespondanto en iu ajn lando. Li povus akcepti la postenon tuj, kaj kontentiĝus kun modesta salajro. Adreso: S-ro R. Bloch, Praha II, Poříč 29, Ĉeĥoslov.

**Du amikinoj**, 22-jaraj, serĉas pozicion en Germanio, Aŭstrio, Svislando, ambaŭ en sama urbo, kiel kontoristinoj, stenografistinoj, vendistinoj de sinjorin-vestaĵoj. Urĝas, bonvolu rapide skribi al F-ino Irma Leike, Hagen in Westfalen, Schützenstr. 47 a, Germanio.

**Esperanta Societo** „Nova Sento", str. Wat-Ras 195, Barcelona, Hispanio, sciigas sian novan adreson kaj akceptas korespondadon por la kursanoj.

**Filatelistoj!** Mi havigas ĉiujn nunajn markojn de Francio kaj kolonioj, laŭ nominala valoro plus 10 proc., plus sendkosto. Pagu per franca mono antaŭe, ne malplie ol 50 fr. Petu la prezaron de mia kolekto de 4 filatelistaj ekspozicioj 1925, Paris. Mi interŝanĝas laŭ Yvert et Tellier kun Nederlando, Belgio, Monako, Luksemburgo, nur markojn sen difektoj. S-ro Georges Caron, 70 rue Claude Bernard, Paris 5.

**Muzikinstruo.** Holanda fraŭlino, posedanta diplomon por muzikinstruo (pianoforto), parolanta francan, germanan, anglan kaj esperantan lingvojn, serĉas laboron en svisa familio por instrui infanojn. i ankaŭ akceptos oficon en knabina lernejo. Sendu leterojn al la administracio de „Heroldo de Esperanto" en Horrem b. Köln, Germanio, sub literoj K. V.

**Poŝtmarkoj!** Tra la tuta mondo! Poŝtmarkoj! Poŝtkartoj ilustritaj! Mi interŝanĝas poŝtmarkojn kun seriozaj filatelistoj, nur sendifektajn, bonajn, indajn, ne bagatelojn, kun eŭropaj ŝtatoj: Albanio, Andorra, Islando, Danzig, Greklando, San Marino, Turkio, Palestino, Malnova Bosnio, Malta, Kreta, Monaco, Montenegro, Ukraino, Saarteritorio, Fiume, Levant, Lietuva; plue kun kromeŭropaj sendependaj ŝtatoj de ĉiuj landoj, kun kolonioj francaj, anglaj, hispanaj, italaj, portugalaj, precipe kun: Persio, Siamo, Arabio, Malay, Irag, Pérak, Rhodos, Sarawak, Straits Settlements, Syrio, Timor, Vej-haj-vej, Borneo, Abisenio, Liberio, Tahita, Alĝerio, Angolo, Egiptio, Libia, Eritrea, Gambia, Guinea, Ceylon, Cyprus, Indio, Honkong, Java, Celebes, Indo-china, Kongo belga, franca, portugala, Madagaskar, Madeira, Maroko, Nigerio, Mauritius, Nyassa, Réunion, Sudan, Seychelles, Somalilando, Saharo, Tuniso, Zanzibar, Gold Coast, Benadir: kun tutaj respublikoj kaj insuloj en Ameriko kaj entute kun tuta Oceanio (kiel: Costarica, Panama, Jamaika, Fiji, Havaii, Papua, Labuan ktp.). S-ro Jan Mikŝ, urba ŝparkaso, Riegrovo nám. 612, Praha-Nusle, interŝanĝas kun ĉiuj landoj PI bfl, al ĉiuj respondos.

**Puntoj.** S-ro A. Dupuis, teknikisto, 7, rue de Montenotte, Paris 17, deziras ricevi de eksterfrancaj samideanoj sciigojn pri puntoj, brodaĵoj kaj similaj laboroj de virinoj, uzataj en eksterlando. Aĉetus plezure specimenojn kaj modelojn de naciaj produktaĵoj.

**Stenografio** por ‚esperantistoj baldaŭ aperos de B. P. Roubos, Noordendijk 9º, Dordrecht, Nederlando. Al petantoj li sendas senpage la unuan lecionon kun bezonaj informoj. Adresu bone! Skribu legeble!

**Teknika instruado.** Mi deziras korespondi kun inĝenieroj aŭ konstrufakaj instruistoj pri la aranĝo de la teknika instruado ĉiugrada. D-ro Lindt, ŝtata instruisto, partoprenonto de la XVII-a, Zittau, Moltkestr. 1, Germanio.

## Korespondado

### Interŝanĝo de objektoj.

#### Ameriko.

**Centralia** (Washington). S-ro Archer Elroy Ball, ĵurnalisto, P. O. Box 565, L, PK, PI kun ĉiulandaj gesamideanoj Ankaŭ korespondado pri radio, lingvo ktp.

**Chicago** (Illinois). S-ro F. J. Kovarik, 2502 So. Kedzie Ave, PM kĉl. laŭ katalogo Yvert aŭ Scott.

**Mexico.** S-ro M. Rodriguez, Apartado postal 2482, pogrande interŝanĝas markojn kun Afriko, Azio krom Japanio, anglaj kolonioj, Centra Ameriko. Unuafoje sendu almenaŭ por 100 fr. laŭ Yvert. Certe respondos.

**Mitchell** (S. Dak.). S-ro C. H. Gibbons, Faith Home, deziras letere korespondi, krom filatelistoj kaj kolektantoj, L pri religio.

**Moundsville** (West Virginia). S-ro Herbert Scott, 1312 Purdy Ave, PM, prefere kun multhavuloj aŭ neeŭropanoj; ne sendas unue.

#### Belgio.

**Schaerbeck.** S-ro V. Lamberts, arkitekto, 55 Av. Hamoir, PK, PM nur neuzitaj, sendas uzitajn kaj neuzitajn poŝtmarkojn.

**St. Kruis** (Brugge). S-ro Henri Campe, Vestingstraat 56, PM- kaj PK-kolektanto, PI bfl, PM, kun gesamideanoj el ĉiuj landoj, ĉiam respondas.

#### Bulgario.

**Gorna Orehovica.** S-ro Kiril Makaeev, fotojn kun precipe neeŭropanoj, PI, L.

#### Ĉeĥoslovakio.

**Landskron.** Postulu ĉe policisto Rud. Fuchs la bonegan lumbildserion „Esperanto en la praktiko" (50 diapozitivoj).

**Landskron.** S-ro Erich Koblischke, instruisto, Schillerstr., serĉas (gajserenan) korespondadon, L, PI bfl, esp-aĵoj kĉl., kelkaj entreprenemaj grupanoj (precipe belulinoj). Tuja kaj nepra respondo.

**Suché Vrbné** (apud Č. Budějovice). S-ro Pavel Caháк, UEA-del., Dobrovodská 56, PM, PI kaj esperantajn gazetojn kun seriozaj gesamideanoj.

**Suché Vrbné** (apud Č. Budějovice). S-ro Karel Daněk, studento, Havlíčkova 160, PM, PI kaj fot-aĵojn. Ĉiam respondos.

**Slavkov u Brna.** S-ro Miloslav Němec, cukrovar, 24-jara oficisto de sukerfabrikejo, PI, L kun usonaj kaj svisaj samideanoj, ankaŭ kun samideaninoj.

#### Germanio.

**Dresden-A. 19.** S-ro Gerhard Boden, Wormser Str. 76, II, PI bfl, L kĉl.

**Dresden-N. 30.** S-ro Willy Eckert, Fechnerstr. 24, I, PI bfl, L kun inteligentaj, seriozaj gesamideanoj ĉiulandaj.

**Düsseldorf.** S-ro Albert Schmitz, Florastrasse 13, PI bfl. kaj PM kĉl., ne sendas unue, tuj respondos.

#### Hispanio.

**Barcelona.** S-ro Ramón Ribas, junulo, str. Radas 47 - 2º - 2a, L, PI kun fraŭlinoj el ĉiuj landoj. Certe mi tuj respondos!

**Sevilla.** F-ino Rosario Gonzalez Romero, str. Santas Patronas 50 dupo., PI, prefere kolorigitaj, kĉl.

#### Hungario.

**Budapest X.** F-ino Sophie Schwab, Állomás u. 7, informas siajn korespondantojn pri nova supra adreso (ĝis nun en Mellendorf-Hannover, Germ.).

**Budapest X.** S-ro Antonio Havár, Mádi utca 15b I. 12, PI, L pri popolmoroj kĉl., nepre respondas.

#### Italio.

**Brescia.** D-ro Antonio Cottinelli, Via Battaglie 57, deziras interŝanĝon de stereoskopaj vitraj fotoj 45 x 107 mm.

#### Latvio.

**Vecgulbene.** S-ro K. Aŭziņŝ, Stāki, Ŝkieneros, PM, PK, PI.

#### Litovio.

**Dotnava.** S-ro Bronius Laukŝas, 19-jara lernanto, Agrikultura Teknikumo, PI bfl, L (kun rusoj ruslingve) kun esperantistaj maristoj, ŝipanoj kaj insulanoj ktp.

#### Maroko.

**Amizmiz.** S-ro Pierre Carrière, Bureau des Renseignements, deziras serioze korespondi kun araboj arablingve.

**Sidi Rahal.** S-ro Joa Lipperto, Matr. 7671, Cie. Pion. 4 Regt. Etr., Bureau de renseignements, Travaux de Ponts, malriĉa legiano deziras donace fotografaparaton kaj kompence sendos laŭdezire bildojn. Ankaŭ akceptas mondonacojn.

#### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PM, helpmono, malakceptas bagatelojn.

**Culemborg.** F-ino J. Streef, Ridderstraat 1, PM kĉl., ne bagatelojn, ne sendas unue.

#### Nederlanda Hindio.

**Bendoredjo** (Java). S-ro W. H. de Jonge, PM (vidu „Petoj kaj proponoj" en maja numero.

#### Persio.

**Sultanabad.** S-ro Faylolah Ĥan Parzin, PI bfl kĉl.

#### Pollando.

**Bialystok.** S-ro Emanuel Rozensztejn, lernanto, Zamenhofa 12, I, L, PM, PI kĉl., ĉiam respondos.

**Bialystok.** S-ro A. Jablonski, Rynek Kosciuszki 26, PM, PI, L, papermonon, ĉiam kaj tuj respondos.

**Boryslaw.** S-ro Rathner Marek, Gimnazia Esperanto-Grupo, serĉas gimnaziajn korespondantojn el Italio, Fanclando kaj Svislando.

**Drohóbycz.** S-ro Ch. Altmann, Garbarska 3, kun Oriento, precipe Palestino, Egiptujo, per L, PI: por gazetoj kaj Esperanto-ŝlosiloj sendas poŝtmarkojn.

**Lwów.** S-ro Erwin Mehr, Bartosza Glowackiego 3, L, PI.

**Luck.** S-ro J. Kaczka, gimnaziisto de VIII. klaso, str. Jagielonska 21, L, PI kĉl. kun gegimnazianoj.

**Rosochacz.** F-ino Halina Domanska, poŝto Jagielnica (Wsch. Malopolska), PI bfl kĉl., certe respondos.

**Warszawa.** S-ro Jozef Jodlowski, ul. Sw. Barbary Nr. 12, PM, PM kĉl.

**Warszawa.** F-ino Eugenio Paŝtejn, oficistino, Zakroczymska 9, 1. 50, korespondas kun eksterlandanoj. La temo laŭvola. Respondo certega.

**Warszawa.** S-ro Jak. Wizenberg, studento de politekniko, Sienna 33, kun eksterеŭropaj landoj belartajn PI, fotojn popol-kutimajn kaj el esperanta vivo, infanajn laboraĵojn, sciencajn vidindaĵojn, natur-sciencaĵojn (ekzemple insektoj, papilioj). Respondo certa.

#### Rumanio.

**Alba-Julia.** F-ino Malvino Schwartz, PI kĉl.

**Alba-Julia.** S-ro Ludoviko Rosenberg, PI kĉl.

**Alba-Julia.** S-ro Lud. Megyeri, PI kĉl.

**Alba-Julia.** S-ro Alexandro Reinfeld, PI kĉl.

